Vᵉ JARO — Nº 53

6 PAĜOJ : 6 Spesdekoj (15 Centimoj)

20 APRILO 1909

DIREKTORO :
Hector HODLER

ABONO

Jara Abono : 1,60 S (4 frankoj).

La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

Redakciejo & Administrejo :
8, rue Bovy-Lysberg, 8
GENÈVE (Svisujo)

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO
DE
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Ducmonata [illegible] Gazeto

DIREKTORO :
Hector HODLER

REKLAMO

| | | |
|---|---|---|
| 1 paĝo. . . | 160 S | (400 fr.) |
| 1 kolono. . . | 32 » | ( 80 fr.) |
| 1/2 » . . . | 16 » | ( 40 fr.) |
| 1/4 » . . . | 8 » | ( 20 fr.) |
| 1/8 » . . . | 4 » | ( 10 fr.) |
| 1/16 » . . . | 2 » | ( 5 fr.) |

Ĝeneralaj Agentoj ; Presejo Devichi, *Chalon-s-Saône* (Francujo) ; G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris* ; C.-A.-G. Browne, 51, Wych Str., *London*; W. C. ; Koetz, Rathausstr., *Leipzig*.

## KOMPRENI kaj APLIKI

De la momento, kiam ni antaŭ du jaroj komencis batali por tiu ideo, ke nur per la praktika agado kaj sia propra utileco Esperanto povos sin trudi al la mondo, ni havis la ĝojon konstati, ke tiu tendenco iom-post-iom enpenetris la Esperantistaron kaj pli kaj pli inspiris ĝian agadon. Precipe de la momento, kiam per la fondo de U. E. A. tiuj ideoj povis ricevi materialan efektiviĝon, multenombraj estas la homoj, kiuj venis al ni kun tiu certeco, kiun donas la sento pri irado sur klare difinita vojo. Ĉie oni nun ekkomprenas, ke por vivigi Esperanton oni devas ĝin uzi, ke nur propagandi kaj predikadi estas konstrui sur sablo, se ne vivas kaj interne disvolviĝas ĉi tio, por kio vi predikadas, ke nia venko estos nia propra verko kaj ni de la eksteraj rondoj devas malmulte atendi. Tion ĉi oni nun komprenas en multaj lokoj, kaj tio estas ĝojiga. Sed kompreni kaj aprobi ne sufiĉas; estas ankaŭ necese apliki tiun komprenon. Ne sufiĉas diri, ke Esperanto povos vivi nur se per ĝi estas organizataj praktikaj servoj, ke la principo kaj organizo de U. E. A. estas tre taŭga kaj helpinda; estas ankaŭ bezone, apliki ĉi tiujn pensojn en la ĉiutaga ordinara vivo kaj uzi Esperanton kaj U. E. A. tute kiel oni uzas nacian lingvon kaj publikajn servojn, t. e. ĉiufoje kiam oni bezonas ilin por siaj aferoj.

Tro multaj estas ankoraŭ la personoj, kiuj, ĉar ili opinias, ke la sukceso de Esperanto venos, neatendite, per ekstera aŭtoritato, zorge apartigas ĝin el sia vivo ĉiutaga kaj ĝin konsideras simple kiel distraĵon. Tiuj personoj vizitas la grupkunvenon de sia loko, aktive partoprenas en ĝiaj intrigetoj, iafoje ellernas Esperanton kaj eĉ sin tre okupas pri lingvaj detaloj en ĝi, veturas ĉiujare al la kongresurbo, aprobas U. E. A. kaj ĉion, kion ni diras... ; tamen en la vivo ordinara, kvankam ili estas homoj interesataj en la vivo internacia per tia aŭ alia fako, ili sin zorge detenas el la uzo de niaj servoj, kiujn ili ignoras. Ili ne aplikas tion, kion ili komprenas kaj aprobas. Fakte, la labortempo de ĉiu homo estas dividebla en du partoj : la unua, la serioza, rilatas al la ĉiutaga vivo; la homo fervore sin okupas pri ĉio, kio povas plibonigi lian situacion aŭ lian taskon, li aplikas tuj tion, kio povas lin helpi, ĉar tion postulas la bezono ; la dua, la distra, rilatas al la priokupoj de l'homo ekster lia afera labortago; li sin okupos ĉu pri sporto, ĉu pri teatro, ĉu pri arto, ĉu pri disvastigo de nova socia, religia aŭ filozofia sistemo, ĉu pri... Esperanto. Al tiu okupo li dediĉos multe da fervoro kaj konvinko, li elspezos tempon, monon kaj forton, sed la konkretajn rezultatojn li ne aplikas en sia ĉiutaga laboro. Tiaj apostoloj estas, tute senvole, la plej grandaj malamikoj de Esperanto.

Iuj diros al ni : Sed mi, male, ĉiutage parolas pri Esperanto kaj al ĝi direktas ĉiujn miajn pensojn. Ĉiufoje kiam iu min alparolas, mi aludas pri Esperanto; kiam mi vojaĝas, mi superŝutas miajn najbarojn per propagandiloj ; ĉiujn homojn mi penas esperantistigi, montrante al ili la bonaĵojn de nia lingvo; ĉu mi do ne aplikas tion, kion mi komprenas? Al tio ni respondas : unue, vi ne komprenas ; propagandi Esperanton alie ol per faktoj, konigi ĝin al ĉiuj homoj, tute egale ĉu kaj kiel ili bezonas ĝin, pli malutilas ol utilas; due, apliki signifas uzi ian konon laŭ la postuloj de l'bezono kaj ebleco, ne laŭ simpla fantazio. Tia « propagando » trudema, senhalta, senorda, maltrankviliga, kondukas al danĝeraj rezultatoj. Mi konas lokojn, kie tia propagandmaniero, enkorpigita en la formo de trobrava broŝurdisdonisto, neebligis ĉiam seriozan movadon dum longa tempo.

Kiel do apliki Esperanton en la ĉiutaga vivo ? Unua kondiĉo por apliki kaj uzi la servojn livereblajn per Esperanto kaj U. E. A. estas koni ilin, t. e. oni ne nur komprenu la ĝeneralan utilecon de U. E. A., sed detale sciu la funkciadon de niaj servoj, la manierojn ilin uzi en la diversaj okazoj de l'vivo ordinara. Tio estas nek malfacila, nek longa; ĝi tamen kiel ĉiu kono necesigas kelktempan atenton. Niaj diversaj eldonaĵoj konigas tiujn servojn en maniero sufiĉe detala, ke post legado de ili ĉiu estos kapabla utile apliki, laŭ la bezono, la servojn, kiujn ebligas nia lingvo, pli speciale por U. E. A. ne en eksterordinaraj okazoj, sed en tia aŭ alia fako de la kutima afera vivo. Maloftaj estas la okazoj, kiam iu ne povas ricevi direktan utilon el tiu uzado, kaj se li en nenia fako bezonas Esperanton tio signifas, ke li havas nenian intereson en la vivo internacia, sekve nun ĉu tute senutile lernis Esperanton ĉu ĝin lernis simple pro distrado aŭ pro teoria kaŭzo. Fine, se oni deziras propagandi Esperanton konstante, oni sin turnu nur al homoj, kiuj je definita momento, povus ricevi utilon el nia afero por siaj ĉiutagaj okupoj; atentigu ilin ne al Esperanto mem kiel lingvo sed al la servoj, kiujn ili povas havi dank'al Esperanto. Ili tiam pli rapide kaj daŭre konvinkiĝos ol per superŝutado de propagandiloj.

Tiu agado de U. E. A. en la ĉiutaga kaj ĉiufaka vivo de la homoj, kies interesoj preterpasas la limojn de ilia lando, — uzado ebla tuj de nun — estos utila al nia afero ne nur per tio, ke ĝi montros niajn mankojn, niajn difektojn, kaj ebligos konstantan korektadon de ili, ne laŭ teorioj konstante diskuteblaj, sed laŭ la postuloj de la praktiko, kiu ne eraras. Ĝi utilos al tio, ke homoj materiale implikitaj en ĝi pli kaj pli interesiĝos al ĝi kaj tiel kreiĝos inter niaj membroj asocia vivo kaj pligrandiĝos la sento de solidareco, kiun kreas la reciproka bezono kaj servado, kaj sen kiu grava organizaĵo ne povas plenumi utilan rolon.

Unuvorte, oni pruvu sian konfidon al Esperanto, uzante ĝin en ĉiuj okazoj, jam sufiĉe multaj, kiam ĝi povas servi : oni apliku tion, kion oni komprenas kaj aprobas. El tio dependas la venko. Areto da modestaj homoj, kiuj por siaj aferoj uzas Esperanton kaj U. E. A. en la sama maniero kiel ili uzas nacian lingvon kaj naciajn servojn, multege pli valoras kaj konstruas, ol miloj da aproboj de personoj, kiuj zorge apartigas Esperanton el sia ĉiutaga vivo kaj ne kuraĝas apliki ĉi tion, pri kio ili penas konvinki la aliajn. Ĉi tio jam estis ofte dirita, sed ĝi tamen ne ĉesis esti dirinda.

H. Hodler.

# SOCIA VIVO

### KOMERCO & INDUSTRIO

### Aŭtomobila Industrio

Grava internacia Ekspozicio de aŭtomobila industrio por terkulturado okazos en Amiens (Francujo) de la 17ª ĝis la 26ª de Julio. Ĝi estas organizata de la Aŭtomobil-klubo de Pikardujo sub la aŭspicioj de la ministro de terkulturado. La ekspozicio mem konsistoj el dek du apartaj fakoj : fiksaj motoroj moveblaj motoroj, tirmotoroj, memmovaj kulturiloj, aŭtomobiloj kun alfiksitaj multiriloj, aŭtomobilaj transportĉaroj, multiriloj movigeblaj per motoro, hejtmaterialo, aneksaĵoj, ilaro de mekanikisto, modeloj de maŝinoj por instruado, verkaĵoj kaj presaĵoj pri terkultura mekaniko. Dum la ekspozicio okazos specialaj konkursoj de motoroj, memmovaj transportveturiloj kaj aŭtomobilaj maŝinoj kontraŭ incendio.

Por havi informojn sin turni al la sekretario de la Aŭtomobil-klubo de Picardie, à Amiens. La petoj pri partopreno devas esti farataj antaŭ la 1ª de Junio.

### La Polaj laboristoj en Francujo

Ĉe la lasta kunsido de la Centra Kampkultura Societo de Meurthe-et-Moselle, S-ro de Madurowitz, agento de la Galicia centra oficprovizejo, liveris per S-ro Codfroy, la plenajn sekvantajn informojn pri la aranĝo de tiu servo. La Galicia lando, kvankam esence kampkultura, ne povas doni okupon al ĉiuj siaj loĝantoj, kiuj po centoj da miloj el patrujiĝas al Germanujo, Svedujo, Danujo, Ameriko, por serĉi laboron. La Galicia estraro dediĉas parton el sia agemeco organizante tiun elmigradon : serĉinte novan elvojojn favorajn al Galicianoj ĝi elpensis la kreon de agentejo en Francujo. La varbado de la laboristoj en Galicio kaj ilia lokigo en Francujon estas efektivigataj per la zorgo de la Centra Oficprovizejo.

Tiu Centra Oficprovizejo aranĝis en Galicio 25 komunumajn kaj departementajn oficejojn; ili estas publikaj oficejoj, starigitaj laŭ la landleĝo de 1904 aprobita de la Aŭstria-Hungara imperiestro. La laboristoj dezirantaj trovi laboron, ĉu enlande, ĉu ekstere, sin prezentas ĉe tiujn agentejojn ; la diversaj kontraktoj kutimaj en ĉiu nacio estas al ili konigataj, kaj ĉiu elektas ĉiun, kiu plej bone konvenas al li. Rilate al tio, la kontrakto starigita de la Centra kampkultura Societo de Meurthe-et-Moselle estas sufiĉe profitiga por ke multaj laboristoj decidu veni Francujon. Informoj precizaj estas postulataj de ĉiu laboristo pri liaj antaŭaj faroj, liaj kapabloj, por doni al ĉiu la laboron kiu al li konvenas : ĉu kampkulturan, ĉu fabrikejan, k. t. p. Tiele, Germanujo laborigas grandan multon da Galicianoj en la minejoj, metalurgio, kaj kampkulturo. Konstanta agentejo de la Galicia Oficprovizejo estas fondita en Nancy, 87, rue des Quatre-Eglises. Al tiu Agentejo la francaj terkulturistoj devas sin turni. (1)

Per tio oni povas vidi kia granda intereso prezentas Esperanto kaj U. E. A. por la varbontoj kaj varbotoj. Zorgi pri la plugado de tiu vasta kampo devas la grupoj kaj Delegitoj de Nancy kaj aliaj lokoj, kaj tiuj de Galicio : Krakow, Nowy Sacz, Sanok, Stryj, Tarnopol, k. t. p. La nomitaj oficialaj agentejoj trovos ĉe Esperanto la plej bonan helpanton, kaj estos siavice varbitaj facile al nia afero. Delegitoj de U. E. A. estas nur en Krakow kaj Nov Sacz, kaj estus dezirinde ke estu unu ĉe ĉiu el la 2ª lokaj Oficejoj. (Gordoba 5 IV 1909).

P. Linares (Cordoba).

### KONGRESOJ & FESTOJ

### Festo de Francaj Stenografistoj

Pro kaj dum la 7ª Federala Festo de l'Unio de la Francaj Stenografistaj Societoj kiu havos lokon en Rouen'o de 6 ĝis 11 Aŭgusto 1909, la kuniganta komitato de la internaciaj kongresoj, enhavanta la Prezidantojn de la diversaj skoloj, kaj la oficestrojn de la Eŭropaj parlementoj, havos sian kunvenon en la antikva normanda ĉefurbo. Pro la demandoj traktotaj, kiuj treege interesas la stenografistan propagandon en nia malnova kontinento, ni invitos ĉiujn stenografistojn por ĉeesti tie, opiniante ke ili povos utile partopreni kaj profiti la tieajn diskutadojn. La Festoj organizataj de la societo estas monhelpataj de la Regno, departementoj, urboj, komerca ĉambro de Rouen'o, kaj ankaŭ de multaj komercaj, politikaj, literaturaj eminentuloj.

Cayeux (Rouen).

### EKSPOZICIOJ

### Ekspozicio en Wiesbaden

De Majo, ĝis oktobro okazos en Wiesbaden (Germanujo) ekspozicio de komerco, industrio, arto kaj ĝardenarto. Tiu ekspozicio enhavos ; en la sekcio komerc-industria, produktaĵojn el Wiesbadena distrikto, komercaĵojn industriajn el Germanujo, arĥitekturon el okcidenta Germanujo ; en la sekcio de arto, pentraĵojn kaj skulptaĵojn de modernaj orientgermanaj artistoj, antikvajn kaj modernajn objektojn de l' preĝeja arto ; en la ĝardena sekcio, prezentaĵojn de ĝardenarto el Nassaŭlando. Al la ekspozicio estos aldonata parko kun panoramo kaj dioramo, bavara montovilaĝo, k. c., krom multaj distraĵoj, koncertoj, iluminoj, lumfontanoj, kaj festoj de kantistoj, pentristoj, infanoj, k. t. p.

(1) Eltirita el « Journal d'Agriculture Pratique »

### AERVETURADO

### Zeppelin en Munĥeno.

Jam de kelka tempo Munĥenanoj sciis pri tio, ke grafo Zeppelin intencis ilin viziti per sia aerŝipo kaj manovri antaŭ la reganta princo. Post diversaj malveraj famoj tiu ekskurso fine okazis kaj ĝi estis grandega sukceso. La vetero estis komence ne bona ; tial oni surprize eksciis, ke la aerŝipo jam superpasis la Bavaran landlimon. Ĉiuj loĝantoj elmigris al Theresienwiese, grandega festokampo, kiu rapide pleniĝis. Ĉeestis la korteganaro kaj urba eminentularo. Je la naŭa aŭdiĝis aklamoj kaj oni vidis la aerŝipon, kiu majeste alproksimiĝis kaj naĝis super la urbo.

Tiam el la grandega popolamaso estis aŭdataj aklamoj kaj aplaŭdegoj ; ĉiuj kuras al Oberwiesenfeld, kien, laŭ la unua decido, la aerŝipo devas alteriĝi, sed la vento estis tiel forta, ke la aerŝipanoj ne riskis malsupreniron. La balono daŭris naĝi norde kaj fine direktis al Freising ; je la tria ĝi alteriĝis en Dingolfing. La morgaŭan tagon, la Zeppelina aerŝipo reaperis super Munĥeno, ĉiam admirata de granda popolamaso kaj mirinde obeema al la deziroj de sia estro ; ni aŭdas la motorbruon, ekvidas distinge la pasaĝerojn. Dume, la entuziasmigita loĝantaro krias, aplaŭdegas, salutas, dum la muzikistaroj ludas. Fine, malrapide, dolĉe, la balono alglitas kaj alteriĝas sen ia akcidento. La genia elpensinto estas varme akceptata de la princoj kaj eminentuloj; ĉe la festeno lia moŝta reganta princo gratulis lin kaj lin ordenis. Je la tria kaj duono la aerŝipo denove leviĝas kaj tiel, certe kiel vagonaro direktiĝas al Manzell, kie ĝi alvenis kvar horojn poste. Entute, ĝi restis 16 horojn en aero dum forta vento kaj dufoje alteriĝis kun la plej granda senriskeco. En la momento kiam ni vidis ĝin facile naĝantan super la urbo, ni sentis en niaj koroj samtempe kun entuziasmo kaj fiereco la senton, ke komenciĝis nova epoko.

W. R. (Munĥeno).

### GEOGRAFIO

### La plej granda marŝipo.

Ĝis nun la marrekordo de la dimensio, rapideco kaj potenco apartenas al la du grandaj transatlantikaj ŝipoj *Lusitania* kaj *Mauretania*, posedaĵo de la Angla Kompanio « Cunard » ; tiuj du ŝipoj transveturas en kvin tagoj de Queenstown ĝis New-York. Alia Kompanio « White Star Line » ekkreis ŝipegojn, rimarkindajn ne nur pro ilia rapideco, sed precipe pro ilia grandegeco. En la ŝipfabrikejo de Belfast estas nun konstruata ŝipego, kies dimensioj superoj ĉiujn ĝis nun konatajn. Ĝi estos nomata *Olympic* ; ĝia suma longeco atingas 300 metrojn kaj enhavebleco 45,000 tonojn. La plej grandaj ĝisnunaj ŝipoj Lusitania kaj Mauritania estis longaj je 228 metroj. La nun konstruata Olympic povos enhavi 5,476 personojn, el kiuj 700 por servistaro kaj 4,776 pasaĝerojn (776, 1ª klaso ; 500, 2ª klaso ; 3,500, 3ª klaso) kaj elmigrantoj. Ĝi enhavos ok etaĝojn, du liftojn kaj multajn ŝtuparojn ; ĝi estos lumata kaj hejtata elektre kaj en ĝi estos kunigataj ĉiuj eblaj komfortaĵoj por la vojaĝantoj. Dank'al la longeco de la ŝipo, oni pretendas, ke ĝia staremeco estos pli granda ol por aliaj ŝipoj. Ni esperu, ke la Esperantistaro bezonos tian ŝipegon, kiam ĝi veturos al la sesa kongreso.

F. B.

### Kelkaj Andaluziaj moroj.

Unu el la amuzfestoj karakterizaj en la Andaluzia angulo, kie regas la orientvento kaj staras la kolosaj salaj piramidoj (admirataj de ĉiuj atente rigardantoj) estas tiu konata per la nomo Despeska, kiu signifas taskon por elĉerpi grandajn kvantojn da fiŝoj el mara korto, kie ili estas enfermitaj antaŭe, por grasigi ilin, ĝis la ĝusta tempo. Kiam la festa tago alvenas, la salejestro preparas zorge ĉiujn adekvatajn ilojn, dungas specialajn laboristojn kaj invitas siajn amikojn. Nenio pli estas necesa. Tie ĉi, la vetero ĉiam estas belega. La suno brile radias sur tre pura ĉielo, tiel blua kiel neniu. La viveco kaj gajeco estas hereda propraĵo de la ĉitienuloj ; riĉuloj kaj malriĉuloj ĝuas la vivon sen priokupoj, sen maltrankviloj pri la estonta tempo, ĉiam ridema por ili.

La familio transigas sin en la salejon, unuj veturile, aliaj rajde aŭ piede, laŭ la interspaco de la urbo. Apenaŭ ili alvenas, disiĝas ĉien, scivole rigardante ĉion demandante pri ĉio, kion ili vidas al ĉiuj renkontatoj per sincereco kaj konfido vere ĉarmantaj. Ili rapide marŝas al la ekstero (la antaŭdirita mara korto) kie jam estas preparitaj la iloj por la despeska. Kvar viregoj, senvestaj ĝis la femuroj, portas la retan fiŝkaptilon, kaj en ĝi ili envolvas la kaptaĵon ĝis tuta pleniĝo. Kiom da fiŝoj kaj kiel belaj ! Oni ripetas la taskon multfoje, ĝis kiam oni formas tre grandan amason da fiŝoj, kiuj defendante sin kontraŭ la elmortiga asfiksio estas transportataj sur azenoj en la lokon, kie la festo okazos. Tie, ilin atendas kruela morto.

Per sekaj branĉoj de sapina (sala kreskaĵeto) la servistinoj faras kolosan flamaĵon, kien ili ĵetas la fiŝojn, ankoraŭ vivajn, kaj kiam ili estas rostitaj, oni alportas ilin al la kunmanĝantoj. Tiuj ĉi atendas ilin surtere sidante ĉirkaŭ granda tablotuko, sur kiu oni vidas bongustan kolbason, ŝinkon, k. c. kaj botelojn da manzanija (pomodora vino). Post mortigo de la apetito, ili ekdancas kaj kantas per la sono de gitaro.

La horo kuras tiel tre rapide, kaj kiam la suno sendas al la tero sian lastan saluton, ankoraŭ restas energioj al la kunmanĝintoj por daŭrigi la amuzfeston : sed estas necese fini. Pli gajaj ol matene, la invititoj diras adiaŭ al sia amindu amiko, kaj iuj pli entuziasmaj ol la alia, daŭrigas la kantadon dum la vojaĝo. Pro la silento de la vespero, tiuj melankoliaj kantoj ŝajnas plendoj, kaŭzantaj surprizantan impreson al la vojirantoj sur la ĉefvojo.

.˙. Andaluzia moro, bezonega en ĉiu popola festo, pli enradikita ĉe la interna vilaĝo el la Provinco, kie la rimedoj por amuzi malsufiĉas, kaj la kultureco de la direktoraj klasoj ne suferas pro pli-malpli kruelco, ekzistas kaj ankoraŭ ekzistos longe, la nomita *Gajumbo* : tio estas, mallibera bovoviro kuranta tra la stratoj alligita per longa ŝnurego, je kiu tiras kelkaj junuloj, farante kun la besto laŭ ilia kaprico.

Kiam la festo estas anoncata por publika laŭdo, la juna personaro apenaŭ aŭdas la voĉon de la anoncisto, forlasas tion, kion ili estas farantaj, kaj kuras rapide al la fenestro aŭ al la portiko, por ne perdi silabon de la publikigisto. Kia gajeco ! Kia feliĉeco ! Ŝajnas al ili kiel ne vera la venonta superega momento. Ĉu iu vidis jam la bovoviron ? Nepre, ĝi estas taŭro ; sufiĉe brava por persekuti dum la tuta tago. Ĝi estas bona subjekto : la urbestro tiel garantias ĝin. Granda kiel kastelo, fiera kiel leono, sed nobla, armita per akraj kornoj, kaj peza ; kvankam ne tiel grasa kiel por laciĝi ĝin pro la longa kurado.

Fine, la tago alvenas en la stratoj de la vilaĝo, elbordiĝas popolamaso ; sed tuj kiam sonas la alarma voĉo « jen estas la bovoviro », disiĝas la popolo kvazaŭ per ensorĉo. La bovoviro eniras la lokon venkigante tion, kio al ĝi kontraŭstaras kaj, krom tio, eĉ tiuj de la ŝnurego estas kiel lavango, pli terura ol la bovoviro mem.

La ŝnurego iĝas subite mastreĉa ; haltas la besto, kaj eliras sur la pavimon kuraĝa junulo, okaza toreadoro, kiu malfermas kapoton antaŭ ĝi. Atakegas la bovoviro, tiel furioze, kiel la junulo prenas la olivarbon, supreniranте sin sur la fenestro : sed li ne kalkulas, pro la timo en la momento, ke post tiu fenestro estas amindaj junulinoj, kiuj, per longaj kaj akraj kudrilegoj, karesas liajn tibikarnojn... Kiom da suferantoj estas portitaj en hospitalon, pro korna vundo kaŭzita de la pikvundetoj ! Tamen, la festo daŭras, dum la bovoviro havas forton por rekuri la tutan vilaĝon ; kaj kiam ĝi revenas en la kelon el kiu ĝi eliris, iam ĝi estas tro lacigita, donante sin al siaj turmentintoj, lamante rigardante malgaje, al unu kaj alia flanko, la ŝnuregon sur sia dorso, dezirante morti por ripozi. Kiel ĉiuj herooj, kiam ili alvenas al la morala ruino, oni nuligas ilin : ĉar ilia glora aŭreolo estas nekunigebla kun ilia malfeliĉeco ; kaj la popola fantazio ne povas suferi tian elreviĝon.

J. Garzon Ruiz (Cadiz).

## Grava Avizo

Ni informas ĉiujn personojn, kies abono finiĝis kaj kiuj ne informis nin pri sia intenco ne reaboni, ke ni enkasigos la abonmonon per la poŝto, aldonante la poŝtelspezojn. Ni kore petas, ke oni bonvolu favore akcepti la diritajn poŝtrepagojn kaj daŭrigi al ni sian necesegan apogon.

ESPERANTO.

# NUNTEMPAĴO

# TRA KALABRIO

II

Ni vaginte Bagnara ĝuas denove belan veteron. Post la kvietiĝo de l'maro, oni povas permesi al si promenadon laŭ la marbordo aŭ sin riski inter la rubaĵoj de la vilaĝo. Estas neneigeble, ke kiam brilas la suno, oni forgesas esti en vintro, kaj promenado inter la oranĝerioj sidantaj je malmultaj paŝoj de la maro estas vere agreabla. La situacio de la vilaĝo estas inter la plej ĉarmaj, kiujn oni povas imagi kaj deziri. Sur due el la montetoj, kiuj antaŭiras la plataĵojn de Aspromonto, proksime de la stacidomo kaj de la maro, kun dekmil loĝantoj, Bagnaro devis ĝui vivon kaj movadon ne malestimindan. Nune, la vojo, kiu de la stacidomo kondukas al la vilaĝo disfalis kaj estas obstrukcita per grandegaj ŝtonoj falintaj el la supre starantaj deklivoj, kiuj post la terura skuo ŝajnas kiel disapartigitaj. Sur tiuj deklivoj estis plantitaj belegaj vinberejoj, mirinda verko de pacienco kaj homa agemo; ili estas sur muroj je ŝtupoj. La pligranda parto de tiuj muroj estas en multaj punktoj disfalinta, elportinte malsupren la vinberejojn, kiujn kun tiom da pacienco kreis la nun malfeliĉa terkulturisto.

La margolfeto, kiu subestas al la alia vilaĝo, estas vere admirinda. Dekstre, oni vidas la golfon Gioia, maldekstre l'ekstremaĵon de Scilla, kontraŭ Strombolio, la insulojn Lipari, la lumturon de Messino, la lagojn de Gauzirri kaj, dum la belegaj tagoj, oni povas ankaŭ vidi Messinon.

En la vilaĝo estis tricent viktimoj kaj cento da domoj tute elfalintaj. La restantaj domoj havas ĉu la tegmenton enfalintan ĝis la teretaĝo ĉu solan aŭ ĉiujn murflankojn falintajn, ĉu imponajn fendaĵojn, kiuj igas ilin ruinaj kaj neloĝeblaj. Ekzistas fabrikejoj detruitaj, kiuj ne prezentis multe da solideco, sed oni havas aliajn tre bone konstruitajn, kiuj ne kontraŭbatalis la tertremon. La domoj izolitaj estas ĉiuj pli malpli neutibligeblaj; tiuj, kiuj pli bone rezistis, sidas en serio formanta, specon de ĉeno. El la vidaĵo, oni ne povas diri, ke ekzistas sistemo de domoj preferinda pro ilia pli granda rezistemo, ĉar domoj kun sola teretaĝo ligitaj per ferĉenoj kaj ŝlosiloj ĉirkaŭe kaj tegitaj per malpeza kovraĵo cedis, dum aliaj, malpli fortikaj, ne cedis. La sola konstruaĵo, kiu liveris kontentigan provon, estas el ĉarpentaĵo, kovrita de brikoj, sed ĝi multe kostas. Ankaŭ la domoj el cemento ne ĉiam rezistis. La vilaĝo ne estas tute egale frapita, sed laŭ linioj kaj disbranĉiĝoj vere strangaj. Ŝajnas, kvazaŭ la tertremo zigzagis, sed tio devas dependi precipe de la diversa konformiĝo de la subteraĵo. La loĝantaro restis kiel mirigita kaj momente estas nekapabla pri iliajn laboro. Ne malofte, oni renkontas soldatojn okupatajn pri la elterigo aŭ transporto de kadavro, sekvatajn de vilaĝanoj, kiuj kun la mano en la poŝo rigardas kaj parolas kvazaŭ oni ne traktus pri iliaj aferoj. La virinoj tamen vere laboras. Okupataj pri la transporto de la materialoj, de la provizaĵoj, de l'akvo trinkebla, vi vidas ilin preterpasi en longa irantaro, portantajn sur la kapo grandegajn pezojn, preskaŭ nekredeblajn (ĝis cent tridek kilogramoj) kaj antaŭenpaŝi kun la kolo rigida kaj movetadi la koksojn, [kiuj pro tiu laboro estas tre vastigitaj. Ofte vi renkontas belan kaj senhontan knabinon, kiu iras al la fervoja fonto por ĉerpi akvon; ŝi preterpasas antaŭ vi, gracikeska kaj malpeza, doninte al la poto, kiun ŝi havas sur la kapo, inklinojn nekredeblajn kaj kiel ĉiuj filinoj de Evo vin rigardas malrekte kaj ridetas malice al via admiro. Se iafoje vi riskas spritaĵon, tiam estas amaso da vortoj pli malpli ortodoksaj, kiujn la belulino en dialekto ellasas al via adreso. La virinoj de tiu ĉi vilaĝo estas famaj pro la akraj kaj ne ĉiam puraj respondoj. Ĉiuj sendomuloj kaj la plimulto de la loĝantaro, kiu ne plu havas eblan rifuĝejon en la domoj, kuniĝas laŭ la marbordo; tiu ekloĝas en barko, tiu konstruis al si militan tendon, tiu havas kanpalisarojn kiel ŝirmilon, tiu rifuĝiĝis sub palisoj de kaŝtanarbo, tiu sukcesis kunmeti skemon de barko. Tuta la vivo de la loĝantaro montriĝas en la strato. Ŝajnas, ke oni estas en Pekinga strato. La samaj odoroj naŭzaj kaj senlimaj, la samaj spektakloj, la sama gento, kiu estas feliĉega fumi la pipon kaj ĝoji la sunon, la samaj matronoj, kiuj je la vido de ĉiuj, mammontras aŭ repoluras la infanojn, ŝtelĉasinte la pedikojn. En speco de barako oni kuiras, en alia oni vendas vinon kaj trinkaĵojn, en alia ekzercas sian metion la buĉisto, kiu buĉas kiel la ĥina kolego, tio estas je du paŝoj de sia vendejo kaj en la strato egale kota aŭ polva. Por plenigi la iluzion, ne mankas la hundoj vagantaj, kiuj esploras en la malpuraĵoj, bojas kaj forkusas je via alproksimiĝo, kaj kiel tie la porkoj partoprenas al la homa kongreso.

Mi faris ekskurseton ĝis Villa S. Giovanni por el tie vidi Messinon per binoklo, sed mi ne sukcesis. De Bagnara ĝis Favazzina okazis ne malpli ol dudek terdisfaloj, tiel grandaj kaj vastaj, ke oni estas mirigita kaj surprizita. Blokoj de granito, de la dimensio de fervoja vagono, eniĝis en la sablon, renversinte murojn, pontojn, arbojn, domojn, kiuj rezistis. Unu el tiuj blokoj trapuŝis dommuron kaj haltis ĉitie. Ŝajnas vere la mondofino! Tavazzuia kaj Scilla estas pli-malpli domaĝitaj kiel Bagnara. Novan kaj teruran spektaklon prezentas la intersekva vilaĝo Cannitello. Ne unu el la domoj staris, nenia muro rezistis la skuon. Restas nur amaso de rubaĵoj de sama nivelo en ĉiuj lokoj. En tiu vilaĝo estis mil du cent viktimoj, el tri mil loĝantoj; ĉar tiuj, kiuj sukcesis eliri el la domo kaj atingi ls straton, restis sub la ruiantaj rubaĵoj, ĉiu strato estas sen homa kaj mizera.

Antaŭenirante, oni ekrimarkas la efikojn de la marmovo, kiu ne malmulte kunlaboris por igi pli terura la katastrofon de la 28 decembro. Kampodomoj tute forportitaj, lasante ĉitie kaj tie iun divenigon pri fundamento, fruktodonaj legomkampoj fariĝis marbordoj, el oranĝejoj belegaj restas nur nudaj trunkoj kun seka folio aŭ pajla fadeno kroĉita tie ĉi kaj tia. Samlime Villa S. Giovanni, la digo, laŭ la maro, formita de grandegaj cementaj ŝtonegoj estis renversita kaj porte subakviĝis; komercvagonoj, kiuj estis sur la reloj, estis portitaj eksteren je kelkaj metroj, kvankam la relvojo estas je centoj de metroj de la marbordo. La eksteraj kadroj de la stacidomo estas elŝiritaj, kurbigitaj kaj disrompitaj, kvazaŭ ili estus el pasto, ne el fandaĵo. En la norda flanko de la fabrikejo estas grandega formo, kaj observante la fenestrojn kaj la pordojn, ŝajnas, ke la fabrikejo suferis kiel kuntiriĝon. La horloĝo de la stacidomo, delokita el sia centro, signas neŝanĝeble la duonon de la sesa, horo en kiu okazis la skuo. Ankaŭ la stacidomo de la « ferry-boat » estis fendetita kaj parte sentegmenta. Villa S. Giovanni, urbeto promesplena pro la kontakto kun Sicilio pro ĝiaj multaj ŝpinejoj kaj fabrikejoj estas ankaŭ tre domaĝita.

La strato pli mallonga, kiu de Bagnara kondukas al S. Enfemia d'Aspromonte estas linio, kiu de la marnivelo iras ĝis kvincent metroj de alteco. Oni nomas ĝin strato, sed ĝi estas nur plej maloportuna pavimaĵo, kaj sur ĝi tiu iras kun la brakoj streĉitaj por konservi la ekvilibron, tiu ĉi penas transiri trairejon; kaj ĉu vi turnas malsupre por rigardi la vojon trairitan, ĉu supre la vojon trairotan, vi ŝajnas ĉiam je la sama loko. Post horo de suprenire kaj penado ekvilibrista oni alvenas je vasta plataĵo, de kie oni ĝuas panoramon, kiu vin kompensas je la farita penado. Oni klare ekvidas multajn el la Siciliaj montoj, el kiuj majesta per ĝia grandeco kaj neĝkovrita mantelo, estas rimarkinda Etna, kiu levas en la klara horizonto sian plumfaskon da fumo. Iom dekstre Stromboli, Lipari, Elioj, kompletigas tiun vidaĵon vere neordinaran. Trairante belegajn olivarkaĵojn kaj kaŝtanarbon ni resekvas la vojon al S. Eufanio.

S. Eufanio ankaŭ estas amaso de rubaĵoj. Sola muro ankoraŭ staras; la cetero estas nur amaso de ŝtonoj miksitaj kun ruboj de ĉarpentaĵo, kun mebloj frakasitaj, kun restaĵoj de tuko, kun feroj rompitaj kaj kurbigitaj. En la ĉefa placo estas la restaĵoj de la ĉefpreĝejo, de kiu restas nur la sonorilejo ligne konstruita. Preĝejpedelo ajna sonorigas kaj, ne kredeble, la fideluloj alkuras grandnombre por aŭskulti la meson, kiun patro plenumos sur la rubaĵoj de la defalinta preĝejo, kaj por danki la bonan Dion, kiu lasis al ili almenaŭ la vivon. Sur la stratetoj kreitaj inter la rubaĵoj, amasoj de infanoj laŭte parolas, krias, kuras unu post la alia, ludas, trovante en la nuna aferstato novan kaŭzon de distreco. La vizaĝoj, hararoj, manoj kaj pantalonoj de tiuj sinjoretoj atestas longan maluzon de ĉiu ajn normo higiena, kaj tamen ili havas vizaĝon simpatian, okulojn inteligentajn kaj esprimajn, kaj iun buban ĉarmon en ilia konduto kaj en la maniero diri « ĉu vi donas al mi soldon, sinjoreto? »

La provizoraj kajutoj, kiujn la sama loĝantaro konstruis al si, certe ne prezentas komforton kaj nur estas rifuĝejo kontraŭ la malmoderaĵoj de l' vintro. Provizi por ĉiuj ne estas facile, kiam oni pensas, ke la vilaĝo estas malproksima ĉirkaŭ sesdek kilometrojn de la fervojo, kies vojo estas tute disfalinta. En iuj punktoj estas kurioze, rimarki en angulo de la strato malleviĝon de 15-20 centimetroj aŭ laŭlongan fendaĵon aŭ fosaĵojn, tiel ke oni ne komprenas kiel ili formiĝis kaj kien iris la materialo.

Kiel mi jam diris la fervoja strato estis interrompata en Bagnara-Tarazzina. Post la lastatagaj pluvegoj piediri tiun ne longan trairejon, kvin kilometran estas vere rekordo ne senemocia. Laŭ la marbordo, je unu paŝo oni malfloslĝas je 15-20 centimetroj, tiel ke oni grandege penadas por antaŭeniri kaj ofte oni renkontas torenton, kiun ne ĉiam oni povas sekpiede preterpasi. Laŭ la fervojo oni devas tre ofte transiri montojn da tero ne tute fortigita, iri kun la manoj inter la ŝtonegoj, vadi lagojn, transiri ŝlimejojn, supreniri bordojn, salti barojn. Tiu nokte farata vojiro, je torĉolumo, estas tre fantazia, tiom pli ke ĉiam estas la ebleco ke ŝtono povas fali sur vin, sen ke vi povis ĝin vidi.

Alvenante Messinon, per la « ferry-boat » de Villa S. Giovanni oni sentas kiel kontentiĝon. Malpli malbone, oni diras al si, oni trograndigis, la ruiniĝo ne estas tiel granda kiel oni diris! Efektive la fasadoj de la domoj, palacoj, publikaj konstruaĵoj ankoraŭ staras kaj al la okuloj de l'alvenanto donas la iluzion, ke la tegmentoj ne falis. Sed kiam oni ekpaŝas sur la tero kaj alproksimiĝas, oni dolore konstatas, ke la tegmentoj tute enfalis, plenigante per rubaĵoj, la teretaĵon, la unuan kaj kelkafoje la duan etaĝon. La situacio ne estas sama, kiel en Palmi kaj Bagnara, kie se la domoj estas malfermataj, la luantoj povis savi sin kaj la pli parton de l'meblaro; ne, tie ĉi, ĉio estas perdita, kaj sole iu luanto de la supraj etaĝoj povis mirakle saviĝi. Oni rakontas pri personoj, kiuj loĝis la kvaran aŭ kvinan etaĝon, kaj troviĝis en ĉemizo meze de l' strato, sen ia ajn kontuzo. Dometoj, domoj, palacoj, grandegaj konstruaĵoj, formas verajn monstrojn de rubaĵojn, kaj el ĝi povos eliri nenin, kiu ajn estis entombigita. Ne estas plu la vilaĝo, la vilaĝeto de kelkaj miloj da loĝantoj, kie la viktimoj estis pli malmultigitaj pro la frumatenaj kutimoj de la loĝantoj; ne estas plu la urbo, la granda urbo homplena, kies anaro iras malfrue al kuŝejo kaj malfrue leviĝas, ĝi nun frapita kaj neniigita en la dormo. Antaŭ tia malfeliĉo supera al ĉia imago, oni sentas sin kortuŝita kaj oni ne povas ne ellasi larmon.

N. MUZZIOLI (Peruĝis).

(Daŭrigota.)

TRA LA MONDO

# BURGONJO

(FRANCUJO)

Tre konata provinco precipe pro siaj famaj vinoj, tiu bela regiono montras ankaŭ pentrindajn pejzaĝojn. Kuŝanta en la centra-orienta



parto de l' Francujo, meze de l' montaro *Cévennes*, ĝi prezentas diversajn ŝatindajn vidaĵojn kiuj posedas neforgeseblan ĉarmon.



Ne forlasinte tiun provincon, oni povas fari malgrandan interesplenan vojaĝon, neniel unutonan. Le vojoj estas bonaj, la hoteloj simplaj, ĉie kora akcepto estas rizervita al la vizit[...] la nutraĵoj samvaloraj, la vinoj, kaj p[...] nutroprezoj estas modestaj.

Sude la *Macon'a* Burgonjo kie eten[...] belmova kaj arbarkovrita ĉeno de mont[...] *vennes* al ni montras la verdantajn bord[...] la larĝa, trankvila rivero *Saône* mala[...] estas la *Grosne'a* valo, apud ĝi ekvidiĝ[...] montoj jen fruktdonaj, jen sekaj, iafoje [...] toj de ŝtonminejoj. La horizontaĵoj est[...] rindaj, oriente: laŭregule malaltiĝantaj [...] *con'aj* deklivoj, la *Bresse'a* ebenaĵo, pli [...] proksime, oni ekvidas dum la helaj [...] montaron *Jura* kaj brilegantan, imponan [...] tegon *Blanc*. Interesaj urboj Mâcon, Ch[...] kaj Tournus.



FELIETONO DE « ESPERANTO » 4

# RAKONTO

PRI

# SEP PENDIGITOJ

DE LEONID ANDREJEV

Dediĉita al Lev. Nikolajeviĉ Tolstoj

## II. Al ekzekuto per pendigo.

(*Daŭrigo*)

Oni devis jam delonge lin forpeli, kiel oni forpelis lin el aliaj farmoj, sed li estis malkara, kaj aliaj laboristoj estis ne pli bonaj, kaj tiel li restis du jarojn. En lia vivo estis nenia okazintaĵo. Unufoje li ricevis leteron en Estona lingvo, sed ĉar li estis malklerulo, kaj la aliaj ne konis Estonan lingvon, la letero tiel restis netralegita; kaj kun ia sovaĝa, idiota indiferenteco li ĵetis ĝin en sterkon, kvazaŭ ne komprenante, ke la letero alportas informojn el hejmo.

Janson provis ankaŭ amindumi la kuiristinon, sopirante, eble, je virino, sed sen sukceso: ŝi malĝentile rifuzis kaj ridis lin. Li estis malgrandkreska, maldika kun eta lentuga vizaĝo kaj dormemaj okuloj de malpura botela koloro. Kaj Janson indiferente akceptis sian malsukceson kaj ne trudis sin plu al la kuiristino. Sed, parolante malmulte, Janson ĉiam on alaŭskultadis. Li aŭskultis la malgajan neĝan kampon kun montetoj el frostita sterko, similanta vicon de malgrandaj, superŝutitaj per neĝo tomboj, li aŭskultis la bluajn dolĉajn malproksimaĵojn kaj la bruesonantajn telegrafkolonojn, kaj la interparoladojn de homoj. Kion al li diradis la kampo kaj la telegrafkolonoj, tion sciis nur li mem, sed la paroladoj de homoj estis maltrankviligaj: ili estis rakontoj pri mortigoj, pri rabadoj, pri bruligadoj, kaj foje nokte oni aŭdis, kiam en najbara vilaĝeto malofte kaj senhelpe tintadis la malgranda preĝeja sonorilo kaj krakadis bruliga flamo. Tiam iaj fremduloj rabis la riĉan farmon, mortigis la mastron kaj lian edzinon, kaj bruligis la domon. Ankaŭ en lia farmo oni vivis maltrankvile; oni malĉenigis la hundojn ne nur nokte, sed eĉ tage, kaj la mastro metis apude pafilon por la nokto; same li volis doni pafilon, nur unutuban kaj malnovan, al Janson, sed li turnis ĝin en la manoj, skuis la kapon kaj ial rifuzis. La mastro ne komprenis, kial li refuzas kaj insultis lin, sed la kaŭzo estis, ke Janson pli konfidas al lia Fina tranĉilo, ol al tiu ĉi rustiĝa kaj malnova ilaĵo.

— Ĝi mortigos min mem, — diris Janson, dormeme rigardante la mastron per siaj vitrosimilaj okuletoj. Kaj la mastro malespere svingis la manon: — Kaj kiela do malsaĝulo ci estas, Johan! Jen do kiel kunvivi kun tiaj servistoj! —

Kaj jen tiu sama Johan Janson, ne konfidinta al pafilo, dum ia vintra vespero, kiam la alia laboristo estis sendita al stacidomo, atencis fari oblan krimon: perarmilan rabon, mortigon kaj malĉastigon de virino. Li faris tion ĉi mirinde simple: ŝlosis la kuiristinon en la kuirejo, malpene, kiel homo fortege deziranta dormi, proksimiĝis malantaŭe al la mastro kaj kelkfoje rapide penetrigis tranĉilon en lian dorson. La mastro sveninte falis, la mastrino timigite ekkuris kaj kriegis, kaj Janson, elstarigante la dentojn kaj svingante la tranĉilon, komencis malordigi la kofrojn, komodojn, forprenis la monon kaj poste, kvazaŭ nur ĵus ekvidinte la mastrinon kaj neatindite por li mem, li sin ĵetis por malĉastigi ŝin. Sed ĉar li perdis la tranĉilon, la mastrino lin superfortis kaj eĉ preskaŭ sufokis lin. Jen ekmoviĝis la mastro sur la planko, la kuiristino ekfrapegis per potprenilego, rompante la pordon, kaj Janson forkuris en la kampon. Oni kaptis lin unu horon poste, kiam li fleksiĝinte sidis malantaŭ de stalo kaj, ekbruligante unu post la alia estingiĝantajn alumetojn, atencis fari brulon.

Post kelkaj tagoj la mastro mortis de sanginfekto, kaj kiam inter la aliaj rabistoj kaj mortigistoj venis la vico de Janson, oni lin juĝis kaj verdiktis ekzekuton. Dum la juĝado li estis la sama, kiel ĉiam: malgranda, lentuga, malgrasa, kun vitraj dormemaj okuloj. Ŝajnis, ke li ne sufiĉe komprenis la gravecon de iĝantaĵo kaj laŭvide li estis tute indiferente: li palpebrumis per siaj blankaj okulharoj, stultege, sen scivolemo ĉirkaŭrigardis la gravan nekonatan ĉambregon kaj purigadis la naztruojn per rigida, malpura, nefleksebla fingro. Nur tiuj, kiuj dimanĉe vidis lin en la preĝejo, povis rimarki, ke li iom parade sin vestis: sur la kolo li metis plektitan malpuran ruĝan skarpon kaj iom malsekigis la harojn sur la kapo; kaj, kie la haroj estis malsekaj, ili estis malhelaj kaj glataj, sur la alia flanko ili estis helaj, kaj maldensaj hartufoj elŝoviĝis, kiel pajleroj sur nedensa batita per hajlo grenkampo.

Kiam estis proklamita la verdikto — al ekzekuto per pendigo, Janson subite agitiĝis. Li dense ruĝiĝis, komencis ligi kaj malligi la skarpon, kvazaŭ ĝi lin sufokis. Poste li malsaĝe eksvingis la manojn kaj, sin turninte al unu el juĝistoj, li diris, montrante per fingro la juĝiston, kiu proklamis la verdikton:

— *Ŝi* diris, ke oni devas min pendigi.

— Kia *ŝi*? — per densa baso demandis la prezidanto, proklaminta la verdikton. Ĉiuj ridetis, kaŝante per lipharoj kaj paperoj la ridetojn, kaj Janson puŝis sian montran fingron al prezidanto kaj kolere elsubfrunte respondis:

— Ci! — Nu? — Janson denove turnis la okulojn al silenta, nerimarkeble ridetanta, juĝisto, konsiderante lin, kiel amikon, kiu tute ne partoprenis la juĝadon, kaj ripetis: — *Ŝi* diris, ke oni devas min pendigi. Oni ne devas min pendigi.

— Forkonduku la juĝaton! ordonis la prezidanto.

Sed Janson sukcesis ankoraŭ unu fojon konvinke kaj aŭtoritate ripeti: — oni ne devas min pendigi. — Li estis tiel stultega kun sia elstreĉita fingro kaj sia malgranda kolera vizaĝo, al kiu li vane penis aldoni gravan mienon, ke eĉ kontraŭ la reĝularo la eskorta soldato, forkondukante lin el salono, diris al li duonvoĉe: — Nu do, malsaĝulo ci estas, bubo!

— Oni ne devas min pendigi, — obstine ripetis Janson.

— Oni suprentiregos cin *za mojo počtenie*, rusa vulgara esprimo = volonte, plezure, tre bone, lerte, ci ne sukcesos eĉ piedtremigi. — Nu-nu, silentadu! — Kolere ordonis la dua eskortisto. Tamen li malpaciencis mem kaj aldonis aĉe:

— Ankaŭ rabisto! Pro kio ci, malsaĝulo, pereigis vivon de l'homo?

Jen ci pendu nun! — Eble oni indulgos? — diris la unua soldato, kiu bedaŭris Jansonon. — Do! ĉu tiajn indulgi... Nu, ĉesu, ni parolis sufiĉe.

Sed Janson jam silentis. Kaj oni metis lin denove en la saman kameron, kie li jam estis unu monaton kaj kiun li jam kutimis, kiel li kutimis ĉion: batadon, brandon, malgajigan neĝan kampon, kovritan per rondaj montetoj, kiel tombejo. Kaj nun li eĉ iĝis gaja, kiam li vidis sian liton, fenestron sian kun krado, kaj kiam oni donis al li manĝi — de l'mateno li nenion manĝis. Nur kio okazis en la juĝejo estis malagrabla, sed pensi pri tio — ĉi li ne povis, ne komprenis, kaj li tute ne prezentis al si morton per pendigo. Kvankam Janson estis kondamnita al morto, sed en malliberejo estis multaj kiel li, kaj oni ne konsideris lin grava krimulo. Tial oni parolis kun li sen timo kaj sen respekto, kiel kun ĉiu alia, kiun ne minacas la ekzekuto; kvazaŭ oni malatentis lian morton. La subestro, sciinte la verdikton instrueme diris al li:

— Kio do, frato, jen oni cin pendigis! — Kaj kiam oni pendigos min? — Nekonfideme demandis Janson. La subestro ekmeditis. — Nu, frato, tion ĉi bezonas ci atendi, ĝis ki[...] kolektos partion, ĉar por ci sola, tiom [...] tia, ĝi ne indas eĉ peni: por tio ci est[...] zona la inspiro.

— Nu, do kiam? insiste demandis J[...] Li tute ne ofendiĝis, ke lin solan eĉ pen[...] indas, kaj li ne kredis kaj konsideris ti[...] pretekston por prokrasti la ekzekuton ka[...] oni tute malplenumos ĝin. Kaj li fariĝis [...] malgajiga terura momento, pri kiu oni [...] vas pensi, forŝoviĝis ien malproksimen, [...] fabela kaj nekredebla, kiel ĉia morto.

— Kiam, kiam! — Koleris la subest[...] inteligenta kaj negajema maljunulo. — [...] estas ja pendigi hundon, forkunduki ĝ[...] ten de stalo kaj jen finite. Kaj ci tiel d[...] malsaĝulo!

— Sed mi ne volas! — subite gaje g[...] Janson. Tion ŝi diris, ke oni devas min p[...] sed mi ne volas! — Kaj eble la unua[...] dum lia vivo li ekridis: krakanta, se[...] sed tre gaja kaj ĝoja estis tiu rido, kva[...] sero ekblekis: ga-ga-ga! La subestro [...] lin kun miro, poste severe brovkuntiris [...] sensenca gajeco de ekzekutota homo [...] la malliberejon kaj same la ekzekut[...] kaj faris ilin io tre stranga.

Kaj subite por unu momento, por pl[...] longa momento, al tiu ĉi maljuna subes[...] pasigis lian tutan vivon en mallibere[...] regulojn li konsideris kvazaŭ leĝojn [...] turo, ekŝajnis, ke la malliberejo kaj [...] vivo estas kvazaŭ ia frenezulejo, en ki[...] bestro, estas la plej ĉefa frenezulo.

— Tjfu, ke oni cin! — elkraĉis li k[...] Kial ci dentaĉas, tie ĉi ne estas por [...] kejo!

— Sed mi ne volas — ga-ga-ga! — [...] Janson.

— Satano! — diris la subestro, sent[...] ziregon fari krucosignon.

Trad. D-ro J. OSTRO[...]

(*Daŭrigota*).

Okcidente, la Autun'a Burgonjo, tute diferenca disjetas la sovaĝajn-belaĵojn, ĉie oni trovas ĉarmajn vidpunktojn, antikvajn monumentojn kiuj rememorigas ĉe ni la maljunajn romanajn epokojn.

Autun'a ĉefa urbo de tiu regiono konservas ankoraŭ pro tio specialan karakteron. La ĉirkaŭaĵoj estas kompareblaj je la plej rekomendindaj vidaĵoj de la vizitataj regionoj; vidu monton *Beuvraj* alta je 1000 metroj; Rimarkindaj urboj Autun, Le Creusot.

Norde, la *Dijon'a* Burgonjo malpli severa sed pli riĉa kaj pli agrabla nur nê havas siajn famajn vinberejojn, malantaŭe, okcidente de ili prezentiĝas vidinda parto, ĝuste nomita la Burgonja Svisujo. Inter arbarkovritaj montetoj fluas diafanaj riveretoj, kaŝiĝas misteraj fontoj. Eniĝante pli okcidenten, la montoj iĝas pli altaj, ili montras al la promenantoj siajn krutajn suprajojn (vidu la ĉirkaŭaĵojn de Nolay) simulajn al la montaro *Jura*, sin halti en Dijon, Baune, Chalon.

La vojaĝamantoj vizitu ankaŭ la *Auxerre*'an Burgonjon kies vidaĵo estas belega. La rivero *Yonne* glitas inter bordoj ĉiam kvietaj, de tempo al tempo aperas marĉliloj kaŝitaj en freŝaj arbbukedoj. Ĉarmaj urbetoj staras apud tiu rivero: Sens, Joigny.

Unuvorte tiu bela regiono estas vizitinda kaj ĝi ne devas esti forgesita de la turistoj. En ĉiuj urboj eĉ urbetoj, multnombraj geesperantistoj sciigas la getrapasantojn, ili estas feliĉaj laŭpove helpi la vizitantojn. Gesamideanoj, haltu en tiu ĉarma provinco!

A. B.

CHALON-S-SAÔNE (FRANCUJO)

# UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO

## U. E. A.

## OFICIALA INFORMILO

### Fako Ia : ADMINISTRADO

*Diversaj avizoj.*

.˙. La *Oficiala Jarlibro de U. E. A.* (2a serio) aperos en la komenco de Aprilo; ĝi enhavas kompletan liston de niaj Del. & Subdel. ĝis la 15a de Marto.

.˙. En mezo de Aprilo aperos la *Oficiala Bulteno de U. E. A.* (No 2a) difinita por niaj Del., Subdel. & Konsuloj; ĝi inter aliaj temoj enhavos gravan proponon pri la rilatoj de U. E. A. kun eksteraj organizaĵoj.

.˙. La propaganda broŝureto pri U. E. A. estas nun preparata en diversaj naciaj lingvoj. Jus aperis la itala eldono.

.˙. Ni treege rekomendas al niaj Del. & Subdel., ke ili kiel eble plej diskonigu al niaj membroj la oficialajn eldonaĵojn de U. E. A.; speciale, nian Jarlibron devas posedi ĉiuj Esperantianoj.

*Esperantiaj Entreprenoj & Asocioj.*

De la fondo de U. E. A. kaj sekve de la rapidaj progresoj, kiujn faris nia asocio, la demando pri ĝiaj rilatoj kun la ekzistantaj Esp. organizaĵoj jam estis kelkafoje pri parolita kaj ambaŭflanke oni esprimis la deziron, ke la rilatoj inter U. E. A. kaj la propagandaj aŭ fakaj societoj estu precize formulitaj kaj oficialigitaj. Por respondi tiujn dezirojn, la komitato decidis proponi al la Del. ŝanĝon kaj aldonon en la regularo, kiuj ebligos de nun fruktodonan kunlaboron. Ili estas jenaj:

« Aldono al ĉapitro II: *Esperantiaj Entreprenoj kaj asocioj*:

« § 1. — Estas konsiderata kiel *Esperantia Entrepreno* ĉiu firmo, societo, gazeto, korporacio, k. a., kiu aliĝas al U. E. A. kaj pagas specialan kotizaĵon, kiu estas fiksita laŭ la maniero montrita en § 36.

« § 2. — Ĉiu Esperantia entrepreno rajtas uzi, krom la ordinaraj servoj riceveblaj de ĉiuj membroj, la servojn speciale starigitajn por ili kaj priskribitajn en la oficialaj cirkuleroj.

« § 3. — Estas konsiderata kiel *Esperantia Asocio* ĉiu organizaĵo, loka, regiona, landa, faka, idea, kiu plenumos la jenajn kondiĉojn:

1° Ĝia regularo ne kontraŭstaru la celon de U. E. A. difinitan en § 1 de la Regularo;

2° Ĉiuj ĝiaj aktivaj membroj estu, laŭ la regularo de la dirita Asocio, membroj de U. E. A.

« § 4. — U. E. A. estas absolute neŭtrala rilate al la Esperantiaj Entreprenoj kaj Esperantiaj Asocioj, kaj neniel sin enmiksas en ilian organizon, nek en la agado, kiu speciale koncernas ilian agadon.

Ŝanĝo de ĉapitro IV: *Alta Konsilantaro*:

« § 21. — La Alta Konsilantaro estas formata kiel jene:

« 1° Ĉiuj Esperantiaj Asocioj, kiuj enhavas pli ol 1000 membroj, elektas 1 reprezentanton por milo da membroj aŭ partumo de milo;

« 2° Tiuj membroj mem elektas aliajn membrojn, kies nombro ne povas superi la duonon de la supre cititaj reprezentantoj. La Alta Konsilantaro estas elektata por du jaroj kaj ĝiaj membroj estas konstante reelekteblaj.

« § 22. — La Altaj Konsilantoj havas la jenajn rajtojn:

« 1° La Iniciatrajton;

« 2° Ĉiu decido aŭ klopodo de la komitato, kiu iel ajn interesas Esperantian Asocion, estos antaŭe submetata al la reprezentantoj de tiu asocio, kiuj povos ĝin nuligi. »

Tiu propono nun estos submetata al la voĉdonado de ĉiuj Del. per la proksima Oficiala Bulteno.

*Komisiitaroj.*

La sperto montris, ke por la bona funkciado de nia asocio estas necese, ke ĉiuj projektoj realigotaj de ĝi estu antaŭe mature kaj serioze ekzamenitaj de kompetentaj personoj, tiel ke ilia efektiviĝo estu kiel eble plej facila kaj konforma al sia celo. Por helpi al la laboro de la komitatanoj kaj ebligi utilan agadon, estis decidite la kreo de *Komisiitaroj* aŭ Subkomitatoj, kiuj estos aldonataj al la kompetenta komitatano por detale ekzameni kaj pretigi tian aŭ alian projekton. Tiaj Komisiitaroj estos elektataj de la kompetenta komitatano inter la personoj, kiuj proponis siajn servojn kaj prezentis ĉu proponon, ĉu ideojn kaj agadplanon okaze de farita propono. Tiu Komisiitaro ekzamenos la prezentitan projekton, konsideros ĉu kaj kiel ĝi estas realigebla, proponos buĝeton kaj konigos la rezultatojn de sia laboro kaj de la idea interŝanĝo inter siaj membroj per raporto al la koncernata komitatano, kiu mem klopodos por la realigo de la projekto, uzante la antaŭan laboron de la Komisiitaro.

En la unua momento, estus bezonataj komisiitaroj pri la jenaj temoj: *Vojaĝoj al la kongreso, Rejna ekskurso de U. E. A., organizo de paroladistaro por U. E. A., organizo de migradekspozicioj, Esperantista loterio*, k. a. Konsekvence, ni petas ĉiujn personojn, kiujn iel ajn interesus unu el la supraj temoj kaj kiuj estus pretaj partopreni en komisiitaro por la studo kaj preparo de tia projekto, ke ili bonvolu nepre sin konigi al U. E. A. (fako administrado). Ni plezure kaj danke akceptos ilian kunlaboron. Povas partopreni en la komisiitaroj de U. E. A. ĉiuj Esperantianoj (Del., Subdel., konsuloj aŭ membroj).

*Novaj Subdelegitoj.*

AMPSIN (Belg.). — S-ro G. Lekeu (Fawe).

ATLANTIC CITY (New-Jersey, Usono). — S-ro P. Hoffman, pastro.

AUE (Saksujo). — S-ro Hohenstetten.

AUGUSTA (Maine, Usono). — S-ro Emerson (5 Scott Str.).

BOCHUM (German.). — S-ro F. Neumeister (Seippel's Werkzeugfabrik).

BOMBAY (Indujo). — S-ro S. R. Karrick (11 medows Str.).

DERBY (Anglujo). — S-ro J. Potter (4, The Strand).

EKATERINODAR (Rusujo). — S-ro A. Lakrjevski (Pospolitakinskaja, 18).

FRESNES (Nord, Franc.). — S-ro R. Richez.

GUADALAJARA (Meksik). — S-ro A. Comez Cruz (Ap. 115).

HOCHST a/m (German). — S-ro H. Dreissig.

JARENSK (Vologda, Rus.). — S-ro A. Ŝilov.

MEILEN (Zürich, Svisujo). — S-ro K. Vogeli.

NOTTINGHAM (Anglujo). — S-ro J.-A. Hodges (85, Longhborough Rd).

ORLOVA (Aŭstrio). — S-ro E. Krempler (Berggaschen, 218).

SHREWSBURG (Anglujo). — S-ro Foulger (North Ermitage).

ST-GILLES (Belgujo). — S-ro L. Moreau.

SYRAU (Saks). — S-ro O.-E. Petzold.

BAD REICHENHALL (German). — S-ro F. Mayerhauser.

BATH (Anglujo). — S-ro Blackett (9, Stall St).

CROWLEY (Anglujo). — S-ino J.-G. Haupt (1004 Ave, k.).

Entute 588 lokoj kun 232 del. kaj 409 subdel.

*Ŝanĝoj*: La Subdel. de *Charlottenburg* loĝas nun Berlinerstr, 156. — La Subdel. de *Ĥarbin* estas S-ro Lebedev (Ĥarbinsky prospekt, 22). — Pro translokiĝo de la Subdel. la lokoj *Kamienietz Podolsk* kaj *Ruga* estu forstrekitaj el la Jarlibro, ĝis nova avizo. — Varbinte 20 membrojn, S-ro Laisney, Subdel. en *Caen*, fariĝas Delegito. Niajn dankojn al nia fervora samasociano.

### Fako IIIa : KONSULOJ

*Novaj Konsuloj.*

I (ĝeneralaj informoj, turismo). K (komerco). V (virinoj), J (junuloj).

*Berlino*: Gehring K. — *Como*: prof. P. Roso, J. — *Edinburgh*: Ch.-J. Macgregor J; Agnes B. Mackenzde V. — *Frankfurt a/m*: Hedwig Dreissig, V. — *Grenoble*: A. Belle, K; J. Besson, J. — *Halifax*: M. Christie, V. — *Le Havre*: E. Gasse, M. — *Patras*: Th. Praftopulos, J.

### Fako IVa : ESPERANTO-OFICEJOJ

*Novaj Esperanto-Oficejoj.*

*Bruselo*: S-ro Berger, ĉe Librejo Spineux, 3 rue du Bois-Sauvage. — *Como*: Libreria V. Omarini. — *Edinburgh*: S-ro Webster, 90, George Str. — *Parizo*: Esp.-Of. de Katolika Esp. Agado kaj U. E. A.: S-ro Colas.

*Konkurso.*

Ni rememorigas ĉiujn tenistojn kaj zorgantojn de Esp.-Of. pri la konkurso organizita de U. E. A. pri la plej bone organizita Esp.-Of. kaj esperas, ke multenombraj estos la partoprenantoj.

*Instrukcioj pri Esp.-Of.*

Ĉiuj necesaj instrukcioj por starigo de Esp.-Of. kaj bezonataj klarigoj estas nun en nia Oficiala Jarlibro, al kiu ni resendas ĉiujn Del. & Subdel., kiuj ne ankoraŭ starigis tian ejon; ni volonte liveros al ili ĉiujn pluajn informojn, kiujn ili okaze bezonus.

### Fako Va : TURISMO

*Gvidfolioj.*

La specimena gvidfolio de Bordeaux estis dissendita de S-ro Cazeaux al ĉiuj Del. et Dubdel. Ni do insiste petas, ke ĉiuj Del. & Subdel., en kies loko la grupo akceptis la proponon de U. E. A., ke ili bonvolu *kiel eble plej rapide* sendi la manuskripton al la helpanto de tiu subfako (S-ro Cazeaux, 77, rue Lachassaigne, Bordeaux). Tiuj manuskriptoj estu plej legeble skribitaj kaj kiel eble plej konformaj al la sendita specimeno de Bordeaux. Estas necesege, ke ŝatinda kvanto de tiuj gvidfolioj estu tre baldaŭ eldonita. Efektive en monato majo okazos en Pau la kongreso de la Francaj Iniciataj Sindikatoj (societoj por pliprosperigo), ĉe kiu estos prezentata raporto pri U. E. A. kaj ĝia utileco por diskonigo de regionoj pentrindaj dank'al eldonado de Esp. gvidlibroj kaj ilia disdonado per nia reklama subfako: estus do plej grave, ke al tiu kongreso ni povu prezenti belan provizon de eldonitaj gvidfolioj. Niaj amikoj nin helpu per plej rapida alsendo de sia manuskripto.

# Esperantiaj Informoj

**Bruselo** (Belgujo). — U. E. A. faras ĉiutagan progreson. Oni preparas ĝeneralan kunvenon de ĝiaj reprezentantoj, jam pli ol 24 personoj, en Huy, je Pentekosta lundo 31 majo. La celo de tiu kunveno estas pridiskuti rimedojn por komenci tre ageman kaj praktikan propagandon tra la tuta lando. Oni esperas, ke antaŭ la fino de la jaro ekzistos Del. aŭ Subdel. de U. E. A. en ĉiu belga urbo. Esp.-Oficejo plene organizita, kun telefono, k. c. jam ekzistas en Bruselo ĉe la Del., firmo Spineux, 3, rue du Bois-Sauvage.

A. B.

**Bologna** (Italujo). — La ekspozicio de arto, industrio, higieno kaj laboro (Esp-ia entrepreno) malfermiĝis. La Esperanta fako, organizita sub la aŭspicioj de U. E. A., jam estis multe vizitata kaj priparolita en diversaj gazetoj. Nia alvoko en la diverslandaj gazetoj havigis ĉirkaŭ dudek krin elmetantojn Esp. aŭ per Esperanto, inter kiuj U. E. A. Internacia Propagandejo Esp., Esperanto-Verlag Moller & Borel, Librejo Hachette, k. c. Krom la specimenoj de la ĝisnuna Esp. verkaro kaj gazetaro, la ekspozicio havas fakon por U. E. A., reprezentatan per geografia karto montranta la distribuon de la Del. & Subdel. en la mondo, per niaj diversaj eldonaĵoj, kolekto de Esperante redaktitaj reklamiloj, k. c. La propaganda broŝuro pri U. E. A. en itala lingvo estas nun presita kaj estos disvendata al ĉiuj vizitantoj; plie, por konigi nian asocion, tiu verketo estos dissendata al la ĉefaj italaj gazetoj kaj lernejoj. Ni esperas tiamaniere akceli la movadon de Esperantismo en la itallingvaj regionoj, kien ĝi ankoraŭ malmulte penetris.

**Le Creusot** (Franc.). — Granda konkurso pri la manovro de fajrpumpiloj, organizata de la Federacio de fajrpumpistoj de Saône-et-Loire, havos lokon en nia urbo la 29, 30, 31 de majo 1909. Tiu ĉi konkurso estas rezervita por la specialaj societoj de fajrpumpistoj. Tiuokaze festoj estos organizataj en nia urbo. La personoj, kiuj deziras pluajn informojn devas skribi al « Compagnie des Sapeurs-Pompiers », kiu korespondas esperante. Kelkaj Esp-istoj fajrpumpistoj de nia urbo dezirus korespondi kun samprofesiaj samideanoj pri samfakaj temoj; skribi al la supremontrita adreso.

**Le Havre** (Francujo). — De la 17 Julio ĝis 24. Aŭgusto okazos kongreso de la » Internacia Societo por la Komerca Instruado » S-ro C. Bourlet faros al la kongresanoj poresperantan paroladon.

.˙. Ankaŭ kunvenos de la 15a ĝis 19. de Julio la laikaj asocioj de francaj geinstruistoj. Tiuokaze la Prezidanto de la Respubliko promesis sian viziton.

.˙. F-ino Mayer konsulino, faras virinan Esp. kurson ĉe la « Praktika lernejo de Komerco & Industrio por junulinoj »; ŝi plezure ricevus, por siaj lernantinoj, nomarojn de nefrancaj samideaninoj dezirantaj korespondadi.

**Le Mans** (Franc.). — La Del. de U. E. A. kaj la grupo de ĉi tiu urbo invitas kore ĉiujn naciajn aŭ fremdajn Esp-istojn, kiuj venos ĉitien por la 16a nacia kaj internacia konkurso de pafarto. Ĝi okazos de la 26. Majo ĝis 14. Junio 1909; multe da societoj promesis ĉeesti. Plie, le Mans estas ĉefa centro kaj staras sur la vojo rea de Barcelono al Parizo, trapasante tra Toulouse, Bordeaux, Limoges, Tours. Baldaŭ aperos gvidfolio de l'urbo. Ili venu ĉiuj, kiuj bonvolos.

**Lyon** (Franc.). — Ĝis nun la Esperantistaro en Lyon silente laboris. Tuj de hodiaŭ ĝi ekbruos. La Esp.-Oficejo (36, strato Victor-Hugo) organizata dum Majo 1908a laŭ la konsiloj kaj kun la kelpo de S-roj Hodler kaj Rousseau, bonege funkciadas. La sindonema oficejestrino S-ino Farges, estas preta por doni ĉiujn ajn informojn. Tri societoj laboras, ĉiu en sia fako: Grupo-Amikaro-Klubo. Du gastotabloj, pli ĝuste nomataj « Babilejoj » kunigas la babilemulojn (Kafejo « Régence » ĉe la angulo de l'strato Gasparin kaj de l' placo Bellecour) ĉiumerkrede je la 5a, ĉiuvendrede je la 8a kaj 1/2.

Fine la Del. de U. E. A. S-ro Jabœuf, 11, strato Centrale, jam klopodos organizi agrablan akcepton por la kongresontoj, kiam ili trapasos Lyon'on.

**Krakow** (Aŭstrio). — La movado por U. E. A. nur komenciĝas, la ĉi tiea komercistaro rilatas al Esperanto ankoraŭ tute indiferente. Nuna delegito klopodas por esperantistigi lokajn komercistaron kaj hotelistojn kaj prepari ilin por somera vizitado de diversaj nacianoj, al kiuj tre certe apartenas ankaŭ verdsteluloj. Oni devas aldoni, ke Krakovo estas urbo tre vizitata dum someraj monatoj, ĉar ĝin trapasas la vojoj kondukantaj el okcidento kaj nordo al belegaj somerrestadejoj en Karpaty kaj Tatra montoj, kelkajn kilometrojn apud ĝi troviĝas la mondfama salminejo en Wieliczka, Krakovo mem havas multege da historiaj belartaj memoraĵoj de pola nacio. Tial la delegito, kiel ankaŭ la grupo invitas kore ĉiun samideanon, precipe okaze de barcelona kongreso, viziti ilian urbon kaj ĉirkaŭaĵon, kie ili estos tre kore akceptataj. La grupo eldonos en plej proksima tempo la gvidfolion esperantan.

Samtempe estas necesa la klarigo geografia koncernanta nian urbon. Legante diversajn gazetojn esperantajn, ni trovadas en kroniko pri esperanta movado nian urbon en diversaj landoj aŭ registaroj. Jen estas ĝi en Rusujo, jen en Germanujo, jen eĉ en Bohemujo. Ĉio ĉi ne estas vero. Krakovo kuŝas en Galicio, lando apartenanta al aŭstria imperio, proksime de la rusa landlimo. Do, — se oni volas raporti pri esperanta movado en la lando, bone — galiciaj grupurboj, kiel ekzemple: Krakovo, Lvovo, Nowy Sacz k. t. p., apartenas al Aŭstrio, Varsovio kun siaj filioj al Rusujo, tamen se oni raportas pri movado inter Poloj, oni devas ĉiuj ĉi urboj enmeti nur sub unu rubriko « Polujo ». — Ĉiuj esperantaj gazetoj estas petataj ne nur tralegi suban klarigon, sed ankau okaze uzi ĝin.

S. R.

**Redon** (Franc.). — Post tre ŝatinda parolado de S-ro Beck, prez. de Rennes'a grupo, nova Esp. grupo jus fondiĝis. Tridek personoj sin enskribis por lerni Esp.; inter ili certe kelkaj membroj aliĝos al U. E. A.

**Saint-Mihiel** (Franç.). — La Subdel. S-ro M. Lévy faris en kunveno de la « Laika kaj respublikana junularo » paroladon pri Esp. kaj U. E. A., kiu atingis plenan sukceson. Oni tre esperas, ke nia afero disvastiĝos en tiu regiono.

**Genève** (Svis). — Jam diversfoje la tiea Del. havis la plezuron gastigi fremdajn Esp-ianojn vojaĝantajn, inter aliaj S-ro Backheuser, el Brazilio, kaj F-ino de Selincourt, bonfaranta membrino de U. E. A., el Indujo; ambaŭ utile uzis kaj uzos la servojn de nia asocio dum sia vojaĝo tra Eŭropo.

.˙. Dum la somero okazos en Genevo diversaj gravaj festoj, inter aliaj la Jubileo de la Universitato kaj de la Kolegio fondita de Calvin, Jubileo de la Reformacio kun inaŭguro de la unua ŝtono de la monumento Reformacia, Internacia Muzika Konkurso, Internacia Psikologia Kongreso, k. a. Esperantianoj, kiuj intencus ĉeesti unu el tiuj gravaj manifestadoj, bonvolu sin konigi al la Del.

**Morges** (Svis). — En tiu pentrinda kaj trankvila loko, sidanta borde de la fama Geneva lago, F-ino Richardet malfermis *Esperanto-domon* (Esperantia entrepreno) por ellerno de franca lingvo kaj Esperanto; hejma Esperantista vivado. Ni rekomendas tiun interesan entreprenon al ĉiuj geesperantianoj, kiuj deziras ellerni la francan lingvon uzante Esperanton kun diverslingvanoj.

## ESPERANTIA PAROLEJO

### Pri migradekspozicioj

Provincaj urbetoj kaj vilaĝoj, kiuj ne havas ankoraŭ eksterlandajn interrilatojn kaj kiuj ne sentas evidente la bezonon de la internacia lingvo postulas alian propagandon, ol tiujn de la kulturaj komercaj aŭ industriaj grandurboj. La plej efika kaj en urbetoj malproksimaj de kulturloko nura rimedo por eksciti intereson al Esperanto estas la ekspozicio de Esperantaĵoj. Ĉiuj tamen scias, kiel malfacilega estas la kolektado de Esperantaĵoj por ekspozicioj en ĉi tiuj lokoj. Tial jam de longe Esperantistoj kaj grupoj esprimis sian deziron posedi tiel nomitan migradekspozicion. Tiu migradekspozicio estus pruntedonota al ĉiu grupo aŭ ano, kiu intencus fari ekspozicion aŭ publikan paroladon por eksciti multe da intereso. U. E. A. pro sia praktikeco kaj disvastiĝo plej taŭgus por kolekti tiujn ĉi Esperantajn objektojn. Estus do tre dezirinde, se la kompetenta fako de U. E. A. prenus sur sin la taskon efektivigi tiun ĉi por nia afero gravan ideon.

J. VALENTINI (SD. Bekescsaba).

***

Nia rubriko ESPERANTIA PAROLEJO estas malfermata al ĉiuj Esperantianoj, kiuj dezirus fari proponon pri entrepreno realigebla per U. E. A. Tiu propono estos studata de la fako, kiun ĝi koncernas, kaj, se ĝi estas juĝata utila kaj konforma al la celo de nia asocio, komisiitaro estos elektata por ĝin detale ekzameni kaj transdoni al la komitato precizajn projektojn pri ĝia efektiviĝo.

## 5a LISTO de ESPERANTIANOJ

*Kiuj pagis por 1909a*

WISBEGH (42.59.3). — SD.: *F-ino L. Staveley*. — F-ino L. Staveley; 1. C. Stokes; 2. A. Payser; 3. S-ino P.-H. Peckover; 4. F-ino E. Miller; 5. F-ino C. Gossling; 6. H.-P. Murray. *Sumo: 7.*

DANCIGO (43.12). — D.: *S-ino A. Tuschinski*. — 157. S-ino A. Falk; 159. F-ino M. Kalander; 161. F-ino G. Kopke; 162. F-ino I. Heintz; 6. H. Rieŝe; 7. S-ino F. Rieŝe; 163. Wittkowski; 12. F-ino A. Grunert; 165. Augustin; 87. F-ino Guttke; 30. F-ino K. Rhode; F-inoj: 166. E. Müller; 167. H. Gudath; 168. F. Schattmann; 169. H. Kobiella; 171. S-ro Reinhardt; 28. A. Talleur; 80. S-ino M. Stoye; 59. Entz; 38. S-ino H. Heilmann. (Entute: 100). *Sumo: 20.*

WEIMAR (43.23.1). — SD.: *Volkmann*. — 1. R. Ehrhardt; 2. O. Becher; 3. F-ino M. Huschke. *Sumo: 3.*

DOUAI (44.284). — D.: *Albéric-Humez*. — 2. Albéric-Humez; 10. E. Stein; 23. D. Vilain; 4. H. Coppin; 3. P. Degon; 11. F-ino L. Lesage. *Sumo: 6.*

LIMOGES (44.66). — D.: *L. Lamant*. — 2. D. Eyquem; 7. L. Grenier; 9. E. Piquet; 10. C. Duris; 13. A. Silvain; 14. S-ino Honorat; 20. L. Lamant; 22. M.-J. Evrot; 23. L. Berland; 24. R. Evrot; 25. M. Rauby. *Sumo: 11.*

TOULON (44.93). — D.: *P. Bérenguier*. — P. Bérenguier; 1. A. Dumas; 2. A. Fabre; 3. E. Thaust; 4. J. Brandela; 5. J. Escaré; 6. G. Julié; 7. F. Thomas. *Sumo: 8.*

SABADELL (46.715). — D.: *R. Martorell*. — 4. J. Piferrer; 6. D. Serda; 11. M. Molins; 8. A. Marté; 15. G. Valldeperas; 17. A. Lagarriga; 22. A. Altayo. *Sumo: 7.*

EVORA (46.95.1). — SD.: *Sarmento*. — 12. A.-L. Marques; 13. J.-L.-F. Juniot. *Sumo: 2.*

VARSOVIO (47.51). — D.: *W. Robin*. — Wojciehonvski; Koslowvski; Essigman; H. Asterblum; Poznanski; Heppner; J. Majewski; Dobvyszyski; S. Dobvzanski; S.-A. Dobvzanski. *Sumo: 10.*

SOSNOVICE (47.56.4.). — D.: *S. Kozlowoki*. — 1. G. Brunne; 2. E. Cegielski; 3. S. Drygalska; 4. A. Fiutowski; 5. A. Kondradzki; 6. H. Kwiatkowski; 7. A. Neubaner; 8. J. Niczewski; 9. K. Niczewska; 10. W. Pawelska; 11. J. Pempel; 12. R. Berelman; 13. J. Piotrowski; 14. S. Polkowska; 15. A. Smyczynska; 16. H. Sulimierska; 17. J. Sulimierski; 18. W. Swiesawski; 19. A. Wiszniewska; 20. A. Wolkowicz. *Sumo: 20.*

HELSINGBORG (486.262). — D.: *Bakman*. — 4. H. Montan; 34. F. Nilsson; 35. J. Sjoberg; 36. E. Lindblach; 37. F-ino A. Nilsson; 38. F-ino L. Olsson; 39. A. Persson; 40. A. Larsson. *Sumo: 8.*

JAMBOL (497.2). — SD.: — P. Penko; P. Atanasov; 3. I. Silvestriev. *Sumo: 3.*

SAMOS (499.4). — D.: *Stamatiadis*. — 21. G. Malis; 22. D. Teodoron; E. Misailidis. *Sumo: 3.*

BROMBERG (43.13). — D. *Kandt*. — 1 Arndt; 2. Bachmeier; 3. Bergmann; 4. Bigalke; 5. Boltenhagen; 6. G.-A. Bumke; 7. F-ino M. Bumke; 8. Budjuhn; 9. S-ino Budjuhn; 10. Doving; 11. Eckner; 12. F-ino O. Essig; 13. E. Fehlauer; 14. F-ino L. Frost; 15. F-ino H. Fürsknwalde; 16. F-ino E. Friedland; 17. Galuski; 18. S-ino E. Graeve; 19. R. Grund; 20. Grutzmacher; 21. Hailliand; 22. S-ino E. Hege; 23. F-ino C. Hege; 24. F. Herrmann; 25. M. Kandt; 26. O. Knopf; 27. Korth; 28. B. Krüger; 29. F-ino M. Liedtke; 30. H. Lockmann; 31. H. Markiewitz; 32. G. Metze; 33. P. Mohwinkel; 34. K. Morghen; 35. F-ino M. Moses; 36. E. Nitsche; 37. S-ino Paulini; 38. F. Reinhardt; 39. J. Rüber; 40. Ruppin; 41. F-ino B. Schmeckel; 42. A. Schmidt; 43. E. Szymanowski; 44. S-ino Szymanowski; 45. Schütz; 46. A. Teske; 47. Thiel; 48. W. Vincent; 49. F. Wagner; 50. H. Weiss; 51. G. Werekmeister; 52. S-ino E. Werckmeister; 53. H. Wille; 54. M. Woythaler; 55. S-ino L. Woythaler; 56. W. Wronsky. *Sumo: 56.*

METZ (43.45). — SD.: *H. Hœen*. — 1. J. Bachimont; 2. A. Stébé. *Sumo: 2.*

HAMBURGO (43.515). — D.: *W.-A. Vogler*. — 6. L. Andersen; 5. L. Funke; 4. O. Bunemann; 7. F. Kleist; 8. K. Ewers; 9. K. de Ladevèze; 10. W.-B. Goriche; 11. J. Pachlmann; 12. A. Leel; 13. F-ino M. Grahm; 14. F-ino M. Haupt; 15. F-ino K. Haupt; 16. F-ino L. Schroeder; F. Schulze; R. Volkmann; 17. H. Vogler; 18. F-ino A. Wohlvill; 19. F-ino A. Achmitz; 20. F. Epstein; 21. M. Becker; 22. S-ino E. Jenckel. *Samo: 21.*

OLDENBURG (43.52.1). — SD.: *W. Lamken*. — 1. H. Ihnen; 2. E. Rodiger; 3. E. Borggrafe; 4. W. Borggrafe; 5. H. Furichs; 6. A. Meyer; 7. G. Bake; 8. H. Bake; 9. A. Deuker. *Sumo: 9.*

BARMEN (43.57). — D.: *Carnap*. — 1. R. Carnap; 2. F-ino A. Carnap; 3. W. Rüggeberg; 4. F-ino J. Dressler. *Sumo: 4.*

TRIESTE (43.681). — SD.: M. Guibo. — 1. Goverlizza; 2. G. Mircovich; 3. O. Benco; 4. F. Dardi; 5. M. Vidotte; 6. P. Caucich; 7. A. Rogotigh; 8. N. Moggioli; 10. E. Capanna; 9. L. Sulligoi. *Sumo 10.*

PRAHA (43.712). — D.: *J. Hradil* — 21. M. Weisskopf; 27. J. Kopecky; 3. de Miroŝeviĉ; 31. J. Tomaides; 34. J. Mrskos, 35. J. Hanĉ; 36. F. Cermah. *Sumo: 7.*

HRADEC-KRALOVÉ (43.713). — D.: *J. Valenta*. — V. Frazah; J. Valenta; K. Minar; O. Cervena; F-ino B. Weissova; M. Melicharova; J. Kloutvor; A. Vacek. *Sumo: 8*

M.-OSTRAU (43.723). — SD.: *E. Esterak*. — 1. H. Krajĉek; 2. A. Granz; 3. E. Volfgang; 4. S-ino M. Baroeh; 5. F-ino O. Melzer. *Sumo: 5*

KRAKOW (43.8). — D.: S. *Rudnicki*. — 1. S. Nowokowski; 2. L. Rosenstock; 3. J. Goldman; 4. F. Lohner; 5. F-ino J. Smolnicka; 6. M. Piotrowski; 7. F-ino G. Rosenberg; 8. H. Tislowitz; 9. T. Lepszy; 10. B. Kuhl; 11. A. Gzubrynski; 12. A. Klapa; 13. S. Kruszewski; 14. V. Grabowski; 15. L. Szkocki; 16. S. Peks. *Sumo: 16.*

LE HAVRE (44.25.1). — D.: *G. de Coninck*. — 1. G. de Coninck; 2. H. Ducros; 3. H. Denis; 4. F-ino F. Crépien; 5. J. Babiel; 6. R. Drapier; 7. Er. Legoffre; 8. E. Gasse; 9. F-ino S. Chéron; 10. C. Ducros; 11. H. Ducros, fils; 12. H. Loyer; 13. A. Termon; 14. Arnould; 15. F-ino E. Mayer; 16. S-ino T. Guittard; 17. C. Bultel; 18. M. Flavigny; 19. Benque; 20. R. Lefaix; 21. T. Sauquet; 22. S-ino H. Chevallier; 23. Masselin; 24. Emile Legoffre; 25. Henri Rozé; 26. Jules Duffey; F-inoj 29. A. Gascuel; 30. R. Corbaz; 31. J. Thomas; 32. E. Lauvin; 33. A. Leleu; 34. C. Fellmann; 35. A. Rimbaux. *Sumo: 33.*

| | |
|---|---|
| Sumo de la 4 antaŭaj listoj. | 1.022 |
| Sumo de la 5a listo . . . . | 270 |
| | 1.292 |

Ni rimarkas, ke ofte la Delegitoj kaj Subdelegitoj forgesas, ke ili mem devas pagi la kotizaĵon: ili bonvolu do sin enskribi inter la Esperantianoj.

Plie, por eviti al ni gravan laboron, ĉiu bonvolu uzi la specialan « Membroliston » de ni sendatan al ĉiuj petantoj.

***

Ni rimemorigas, ke niaj Del. & Subdelegitoj devas en la fino de ĉiu monato sendi al ni la nomaron de la novaj membroj.

# ELDONAĴOJ DE U. E. A.

**rekomendataj al ĉiuj Esperantianoj**

**Oficiala Jarlibro de U. E. A.** (Dua Eldono-2ª serio). — Tiu libreto enhavas la Regularon de U. E. A., plenajn kaj detalajn informojn pri la organizo kaj funkciado de ĝiaj servoj, la maniero ilin uzi, k. c., instrukciojn al la Del.. Subdel., konsuloj & membroj, la plenan zorge reviditan nomaron de la Del., Subdel. kaj Esp. Oficejoj de U. E. A., nomaron de la Esperantiaj entreprenoj (societoj, firmoj, hoteloj, k. a.), k. t. p. Ĉiu Esperantiano nepre devas ĝin posedi — 94 paĝoj. Prezo : ₷ 0,25.

**Universala Esperanto-Asocio. Ĝia celo ; ĝia organizo ; ĝiaj praktikaj servoj ; ĝia signifo.** — Tiu propaganda broŝureto tre klare montras la utilecon de nia asocio kaj ĝiajn ĝisnunajn servojn. Rekomendata al ĉiuj niaj propagandistoj. — Prezo : 11 ekz. ; — 5o ekz.

**Oficiala Leterpapero.** — 100 folioj : ₷ 0,70.

**Oficialaj Kovertoj.** — 190 ekzempleroj : ₷ 0,40.

**Oficialaj Poŝtkartoj.** — 100 ekzempleroj : ₷ 0,70.

**Oficiala Insigno.** — Stelo verda kun blanka rando kaj literoj U. E. A. ; rekomendata al ĉiuj Esp.ianoj, precipe vojaĝantaj. Broĉo aŭ pinglo. 1 ekz. : ₷ 0,3o.

### En preparado :

**Gvidfolioj de U. E. A.** (Informoj pri Esp. institucioj, vidindaĵoj, lokaj kutimoj, adresoj de hoteloj, firmoj, k. a.). Oni povas ricevi la jam presitan gvidfolion de *Bordeaux* kontraŭ paĝo da 4 Sd.

### En naciaj lingvoj :

**L'Associazione Esperantista Universale** (Scopo, organizzazione, pratici servizi, significato, consigli all'interessati). Propaganda broŝuro pri U. E. A. en Itala lingvo. Prezo : 10 ekz.

La sama broŝuro estas preparata por lingvoj *franca, germana, hispana.*

Ĉiujn eldonaĵojn de U. E. A. oni mendu el **Esperantio**, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Svisujo). Simplaj membroj ĉiam kunsendu la monon ; nur por Del. & Subdel. estas malfermita speciala konto.

---

## ESPERANTIAJ ENTREPRENOJ

# INTERNACIA INSTITUTO

DE

## ESPERANTO

### OFICIALA INFORMILO

Kun plezuro ni konsideras la pli kaj pli disvastiĝantan laborkampon de nia Instituto, ĉar tiu disvastiĝo mem estas pruvo de ĝia neceseco kaj ŝatateco. Kaj en tia mallonga tempo jam el dek-du diversaj landoj kandidatoj sin turnis al ni por ekzamenigo pri unu el la tri ekzamenoj de la Instituto. Multaj aliaj samideanoj petis pri informoj aŭ pri koresponda instruado.

El la supreciitaj faktoj neniu devas konkludi, ke la Instituto starigas ian konkuradon kontraŭ naciaj ekzamenoj. La celo de niaj klopodoj estas tute malsama ol tiu de naciaj societoj.

Ni efektive konstatis, ke multaj personoj, kiuj jam lernis Esperanton kaj penas ĝin propagandi, tre volonte posedus, kiel rajtigon por sia instruado, jan nediskuteblan pruvon de siaj sufiĉa provoscioj. Tamen ne estas ĉiam eble al ili ricevi nacian diplomon, ĉu pro tio, ke en ilia lando la legho malpermesas la disdonon de atestoj per privata societo, ĉu pro tio, ke la malmulteco de Esperantistoj en ilia regiono malhelpas la starigon de ekzamenaj kunsidoj. Estas do nepre necese, ke oni donu al tiuj izolitaj samideanoj la eblon utiligi siajn penade akiritajn konojn, kaj ke oni helpu ilin fariĝi pioniroj en lando ne jam trapropagandita.

Fine, ŝajnas konvene por internacia movado prepari kvazaŭ internacian reton da profesoroj, kiuj ĉie instruu laŭ samaj principoj kaj per samaj metodoj. Tia entrepreno, se ĝi estos komprenata kaj subtenata de niaj samideanoj, estos potenca rebato kuntraŭ la asertoj de tiuj, kiuj eĉ nun ankoraŭ pretendas, ke nia lingvo ne estas vivopova, ke ĝi estas vana elpenso kaj amuzado de fantaziuloj. Fariĝos evidente, ke ne nur inter kelkaj utopiistoj estas uzata nia lingvo, sed ke ĝia utilo estas nun spertata en la tuta mondo.

**Kongresaj Kursoj.** — La Instituto organizos serion da kursoj tute en Esperanto en la urbo de nia venonta kongreso. Ili okazos dum dek tagoj antaŭ la kongreso. Jam 6-7 eminentuloj diverslandaj promesis partopreni kaj instruados aŭ paroladοs pri : *instruaj metodoj, propagandaj metodoj, esperanta stilo kaj verkado, sintakso, ĝenerala lingvoscienco, historio de Esperanto, literaturo,* k. t. p.

Profitos tiujn kursojn speciale la esperantoinstruantoj, sed ankaŭ ĉiuj, kiuj ŝatas aŭdi bonajn kaj instruajn paroladojn de niaj plej bonaj esperantistoj. Okazos, ĉe la fino ekzamena kunsido por diplomoj II kaj III. Disdono de la diplomoj al sukcesintaj kandidatoj okazos ĉe solena kunveno dum la kongresa semajno. Ĉiuj esperantistoj, kiuj aprobas la organizon de tiuj kursoj, estas petataj skribi tuj al la sekretariejo de l'Instituto, sciigante sian deziron partopreni aŭ ricevi pluajn sciigojn.

(Instituto, 16 Pont d'Arve, Genève).

# ANONCETOJ

### TARIFO

Korespondado. — *Unu enskribiĝo ₷ 0,30 (fr. 0,75). Rabato da 25 o/o por 6 enpresoj, kaj 5o o/o por 12 enpresoj.* — Pl = *poŝtkartoj ilustritaj* ; L = *leteroj* ; PM = *poŝtmarkoj. Niaj abonantoj rajtas unu senpagan enpreson.*

Petoj & proponoj ; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (40 literoj) : ₷ 0,10 (fr. 0,25). Rabato da 25 o/o por 6 enpresoj kaj 5o o/o por 12 enpresoj. Niaj abonantoj rajtas unu trilinian anonceton.*

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata antaŭ la 5ª kaj 20ª de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato aŭ internaciaj poŝkuponoj.

### Korespondado

Slatiny (Bohem-Aŭstr.). — S-ino O. Ptačnikovo, poŝto Miličeves bei Jičin, Pl.

Gorlitz (Germ.). — Komercisto F. Mätly, Fischmarkstr, 1, Pl, (markoj sur bildflanko).

Barcelono (Hisp.). — S-ro M. Rodellar, str. Diputacion, 93, Pl ; S-ro J. Calvo, str. Aribau, 53, bajos, Pl.

Philadelphia (Pa. U. S. A.). — S-ro L.-A. Orsatti, 1536 Sansom str. PK, L.

Superaguy (Brazil). — S-ro M.-A. da Costa Pinto, Parana, PM.

Praha (Bohem-Aŭstrio). — S-ro R. Zoula, Zizkovkolar, pl. 46, Pl.

Ĥaskovo (Bulgar.). — Soldato Kirilov, 8ª Roto, Pl. (kun bildoj pri *armeo*).

Santiago (Ĉilo). — S-ro A. Kastelo, Victoria 1008, PK, PM.

Bukareŝto (Ruman.). — Str. L.-C. Bratianu, 5 ; S-roj V. Popescu kaj J. Almuly ; F-ino E. Zisu. — Str. Negustori 50 ; F-ino Ecat. Radulescu, Pl.

Odense (Dan.). — S-ro C. Andreassen, 156, sdr. Boulevard, PK.

Červeny Kostelec (Bohem.-Aŭstr.). — F-ino Boza L. Keyzlarova, Svatojakubska ul., Pl : F-ino J. Simkova, naproti Kostelu, Pl.

Racice-p./Smirice (Bohem-Aŭstr.) — S-ro F. Zaba, Pl (kun *alilando*).

Syrau bei Plauen (Vogtl., German.). — S-ro O.-E. Petzold, Pl, L.

Aidin (Azia Turk.). — S-ino G. Panayofou, Pl, PK, PM.

Praha (Bohem). — S-ro F. Eim, 1464. II, Pl, PM, L.

Kursk (Rusl.). — S-ro N.-V. Staroselski, Vroickaja ul. 17, L (kun neeŭropanoj).

Č. Budjoviče (Bohem). — S-ro V. Panuŝ, 429 nova ul, Pl.

Urdaneba Zavaus (Hisp.). — S-ro E. Auricenea, PK (kun nefrancoj).

### Petoj kaj Proponoj

**Ĉeĥo-Slava Klubo de Komercistoj.** — « Československa obchodnicka bereda » en Brno, intencas aranĝi ekspozicion de reklamo. La nomita klubo kolektas tial ĉiujn reklamajn objektojn k. e. : afiŝojn, gazetojn kun originalaj anoncoj, presitaj kompreneble en kia ajn nacia lingvo, kaj pagos ankaŭ ĉiujn elspezojn.

Ĉar la ekspozicio povus helpi al la propagando de nia afero en nia lando, petas la subskribinta delegito de U. E. A. ĉiujn samideanojn, precipe el eksterэŭropaj landoj, sendi al li kiel eble plej baldaŭ similajn objektojn. S-ro A. Kroupa, revident str. drahy, BRNO, Maravio, Aŭstrio.

**Esperanta Ekspozicio.** — S-ro Ivan Nenkov, en Tirnovo (Bulgarujo) intencas organizi grandan esp. ekspoz. dum la IIIª Bulgara kongreso, kaj petas ke oni sendu al li diversajn gazetojn, revuojn novajn aŭ ne, librojn, lernolibrojn, k. a., unuvorte ĉiajn esperantaĵojn. Ĉiu sendonto ricevos grandan Pl. kun vidaĵo de Tirnovo.

**Someraj vojaĝoj.** — La subskribinto, malnova esp-isto al ĉiuj kiuj, dezirus fari interesajn vojaĝon dum venonta somero, proponas siajn servojn kiel akompananto ; li estas preta ĉion aranĝi por restado. La leterojn oni adresu al : S-ro D. V. Speranskij, sumi, Ĥarkovska gub, Rusujo.

**S-ro E. Becker**, Advokato-Konsilanto, 3, rue Grétry, Parizo, dez. konatiĝi kun esp. koresp. en ĉiuj landoj por interŝanĝi procesajn enkasigojn, procesojn, k. t. p.

**Aerflugado.** — Mi dez. koresp. kun flugmaŝinteknikisto pri pliboniĝo de la nunaj « pli pezaj ol aero ». S-ro O. Bergmann, Berlinerstr, 156, Charlottenburg, German.

**Ofico.** — Junulo bone konanta la esp., franc., turk., jud., hispan., lingvojn kaj iom la grekan deziras trovi oficon ian ajn en eŭropa firmo aŭ administracio de esper. gazeto. Ne tre postulema pri salajro. Sin turni al : J. Guéron, del. U. E. A., instruisto en la lernejo « Alliance Israëlite », Aïdin (Turka Azio).

**Korespondado.** — Benito Vallespinosa. Aragon 235, 3º 2ª Barcelona. — Korespondado prefere kun sportulo aŭ sportulino.

**Ofico.** — Du junuloj, 18 & 19 jaraj, laborantaj en ludilfirmo, serĉas ian oficon en Hispan-, German- aŭ Anglujo-Skribu al S-ro G. Aguiré. 45, R. St-Honoré, Paris.

Antaŭ ol akiri domojn, dometojn, kampardomojn kaj ĉiuspecajn bienojn en Italujo, skribu al samideano Luigi Scarselli, via del Agnolo 48, Firenze (Italia). Li akceptas ankaŭ *reprezentadon de ĉiuj komercaĵoj.*

**Germana teologiisto** kiu faris amb. teol. ekzamenojn serĉas por la 1ª Majo aŭ pli poste Oficon de pedagogo aŭ helpanto de pastro (vikario) en eksterlando. Parolas france, esper. iom itale. Bonaj atestoj kaj rekomandoj. Oni sin turnu al : S-ro Stahl, en Soden a/ Taunus, German.



# Esperanto-Movado

Lastan fojon, en Nº 51 de nia jurnalo, ni diris, ke la *Unua Tutamerika Scienca Kongreso*, kiu okazis en Santiago en Januaro 1909, enhavis inter aliaj, diskutotaj temoj kaj proponoj, ankaŭ la demandon pri Esperanto. Ni diris, ke eble Ameriko estos la unua lando, kiu oficiale sankcios nian lingvon. Nun ni estas feliĉaj doni al nia legantaro pli precizan, tre gravan informon pri tio ĉi, ĉerpitan el kelkaj niaj Amerikaj jurnaloj kaj el la aperinta nia « *Oficiala Gazeto Esperantista* » de 25 Marto 1909, el kiu ni laŭvorte reskribas jenan :

*Unua Tutamerika Scienca Kongreso.*

« Proponoj akceptitaj de la Unua Tutamerika Scienca Kongreso, la 4ª de januaro 1909, en Santiago de Ĉilo.

« Propono de S-ro Ipolito K. Kontreras, Vicprezidanto de la « Societo Patrina Esperantista de Ĉilo » kaj redaktoro de « Ĉilo Esperantista ».

« Konsiderante, ke la lingvo Esperanto estas homa bono, praktikata de multaj homoj de ĉiuj civilizitaj nacioj, kaj ke ĝi estas faktoro, kiu kondukas al la alpreno de la idealoj de la homa feliĉeco kaj pro tio de speciala intereso por Ameriko, estonta kampo de agado de la du grandaj civilizacioj, kiuj politike kaj komerce sin rigardas frunte, la Unua Kongreso Sciencа Tutamerika, rekomendas Esperanton, kiel internacian lingvon neŭtralan, kiu devas havi gravan lokon inter la programoj de la anuagrada instruado de la amerikaj nacioj.

« Propono de S-ro Biaut, konsulo ĝenerala de Esperanto en Ĉilo.

« Konsiderante, ke lingvo neŭtrala helpa internacia estas necesa kaj vidante ke la idiomo Esperanto kunigas la kondiĉojn bezonatajn kaj ke ĝi estas jam sufiĉe disvastigata tra la mondo kaj ke ne ekzistas ĝis nun alia propagandata, mi proponas por via alta aprobo la sekvantan projekton :

« I. La Kvara Scienca Kongreso (Unua Tutamerika) decidas esprimi al la Amerikaj registaroj la plezuron, kun kiu ĝi vidus la alvokon al unu kongreso, al kiu alvenus oficialaj reprezentantoj el la civilizitaj landoj, kun la celo solvi la demandon pri la alpreno de idiomo neŭtrala internacia.

« II. Ĝi decidas peti de Usona Registaro ke, sub ĝiaj aŭspicoj oni efektivigu tiun deziron de la Scienca Kongreso.

La fakto, ke Esperanto estas aprobita de tia grandvalora Scienca Kongreso Tutamerika estas kompreneble treege grava per si mem, sed ni ne forgesu, ke la fina venko venos nur kiam la Usona registaro efektivigos la proponitan al ĝi honoran iniciaton. Ĉiuj amikoj de Esperanto kaj precipe niaj Amerikaj samideanoj devas penos favorigi per tio ĉi la influajn sferojn.

La cirkonstancoj montras al la VI Universala Esperantista Kongreso en 1910 tute specialan tre gravan taskon. Kredeble niaj Amerikaj samideanoj ne preterlasos la okazon almiliti al ilia kontinento la grandan honoron fariĝi la unua parto de tergolobo, kies registaraj oficiale sankcios la internacian helpan lingvon kaj kies loĝantaro unua ĝenerale ĝin akceptis kaj praktikis. Tiam restus nur unu malgranda paŝo al la fina venko de nia ideo en la tuta mondo.

« En la *Milita kaj Marista Registro* de Nordaj Ŝtatoj de Ameriko estas oficiale publikigita (16 januaro 1909) la raporto de *Majoro P.-F. Straub*, kiu estis Oficiala Delegito de Usono ĉe la Esperanta kongreso en Dresden.

Ni ne povas eviti tiun ĉi plendon pri manko de loko en ĉiu numero de Jurnalo, kvankam ĝi estas la sola Esperantista organo, kiu aperas dufoje ĉiumonate, dum ĉiuj aliaj Esperantistaj jurnaloj estas nur monataj. Nia ideo estas grandega, ĝia progresado feliĉe iras nun rapide kaj tre disvastiĝas, ĝia kampo estas la tuta mondo. Venis jam la tempo, kiam urĝas organo aperonta pli ofte. Ni ne povas tie ĉi citi la tutan raporton pro manko de loko.

Sedni povas nur diri, ke ĝi estas favorega, kiel oni povas facile vidi el jenaj citatoj, laŭvorte ĉerpitaj de ni el tiu ĉi raporto : « Mi estas tute konvinkita, ke Esperanto, kiu de du dek jaroj estis eksperimentata kaj montris sin taŭga, kiel internacia lingvo estas distinita por ludi gravan rolon en la internaciaj interrilatoj...... Helpa lingvo kaj ŝajnas urĝa bezono..... La nova lingvo (Esperanto) plenumas ĉiujn tiujn postulojn ; do, ĝi meritas la kuraĝigon kaj helpon de ĉiuj, kiuj havas aŭ povos havi rilatojn kun alilanduloj..... Mi estas certa, ke ĝi estas destinata al gloria estonteco. Ĝi trapasis la praktikan eksperimenton de multaj jaroj kaj ĝi estas akceptita de destingaj filologoj, kiel plenumanta ĉiujn bezonojn de helpa lingvo por internaciaj rilatoj. Sinjoro P.-F. Straub finas sian raporton jene : «Mi rekomendas, ke la Internacia Kongreso, kiu kunvenos en Chautauqua, ricevu de la registaro helpon kaj kuraĝigon, por ke ĝi estu kapabla solvi la ĝeneralan celon, kaj ke ĝi komitato estu kapabligita fari la necesajn aranĝojn por ke la kongreso atingu nivelon indan de la granda lando.»

Tiu ĉi raporto estas favore apogita de la Ĥirurgiisto Generala kaj de la Milita Sekretario kun la sekvanta rekomendo : « Oni devas kuraĝigi la lernadon de Esperanto en la armeo, ĉar, ŝajnas, ke tiu ĉi internacia lingvo estas destinita por ludi gravan rolon en la internacia interrilatoj. Oni rekomendas, ke la atento de la Amerika Ruĝa-Kruca Societo estu alvokata al tiu ĉi temo.

Ne malpli favora estas ankaŭ la raporto de S-ro Ad. Moynier Oficiala Delegito en la IV Esperantista Kongreso en Dresden de *Internacia Komitato Ruĝa-Kruca.*

Ni nkaŭ ĉi donas nur kelkajn citatojn el ĝi : « D-ro Zamenhof sukcesis krei lingvon facile lerneblan por ĉiuj, kaj kies el parolado estas ĉiam sama, se ĝi estas parolata de ruso, franco, anglo, germano aŭ japano. Estas tre malfacile, aŭdante personon, kiu parolas flue Esperanton, dicidi kia estas ĝia nacia lingvo. Estas unu el la faktoj, kiuj plej surprizis min, aŭdantan paroli riprezentantojn de pli ol tridek diversaj naciοj, kiuj tuj sin interkomprenas kun la plej granda facileco». Raportante pri la prezentado en reĝa Opera-Domo de « Ifigenio en Taŭrido » — klasika verko de Goethe, S-ro Ad. Aymonier diras : «La eksperimento havis plenan sukceson, se oni juĝas laŭ la aplaŭdoj kaj realvokoj, kiujn ricevis la aktoroj. Plej multe la ĉeestantoj, konante Esperanton, povis sekvi la dramon, ne perdante unu vorton ; la aliaj ĉeestintaj Delegitoj kaj aliaj neesperantistoj personoj devis konfesi, ke la aktoroj, tiel bone per sia rimarkinda ludado, kiel per sia senripoĉa elparolado, faris grandan impreson kaj ke la elsono kaj eleganteco de la frazoj povas konkuri sukcese kun multaj naciaj lingvoj.»

Resumante sian raporton S-ro Ad. Aymonier diras «Resume, mi opinias, ke la uzado de Esperanto divastiĝos per la fakto mem de ĝia facila aplikado, sur militaj kampoj ; ĉar la Ruĝa Kruco povas eltiri el ĝi veran profiton, estus konsilinde atente sekvi la disvastiĝon de l'Esperanta movado kaj altiri pri tio demando la atenton de la Asocioj de Ruĝa Kruco en ĉiuj landoj por ke tiu afero, bone studata, povu esti la temo de diskuto en la proksima Internacia Konferenco. »

Tiaj favoraj raportoj de oficialaj delegitoj, kiuj mem ne estas Esperantistoj kaj parolas nur pri la faktoj, kiujn ili persone vidis aŭ aŭdis, ne bezonas komentarion. Ili havas grandan valoron por la progreso de Esperanto en altaj oficialaj sferoj, sed ilia rolo estus multe pli grava, se en ĉiuj landoj niaj samideanoj reproduktos ilin en siaj naciaj gazetoj kaj jurnaloj.

Ĝis nun ne atingis nin ankoraŭ la raporto pri la IV Kongreso en Dresden de S-ro D-ro Šimura, kiu estis Oficiala Delegito de Japan[illegible] Registaro. Ni ne dubas, ke tiu raporto ank[illegible] estos tre favora por Esperanto. Kiu estis [illegible] niaj kongresoj alie *ne povas* raporti.

Krom multaj plezurigaj distrajoj, teatraj ekskursoj k. c. en la neoficiala parto de V K[illegible]greso en Barcelono, la kongresanoj ha[illegible] grandan plezuron ĉeesti en karaktera antik[illegible] enlanda festo « *Floraj Ludoj* ». Pri plej s[illegible] cesa aranĝo de tiu ĉi festo multe klopod[illegible] speciale elektita *Komitato de Floraj Lud[illegible]* kiun konsistigas : D-ro L. L. Zamenhof, *Ho[illegible] ra Prezidanto* ; S-oj Geroni Vila Roca [illegible] Carlo Bourlet, *Prezidantoj* ; S-ro F. Pu[illegible] *sekretario* ; F-ino Maria Mas, D-ro René [illegible] tigues, Barono Félicien de Ménil, *kom[illegible] tanoj.*

Similaj festoj ekzistis jam dum kelkaj ce[illegible] jaroj en la regiono de nuna Hispanujo kaj s[illegible] Francujo. Floraj Ludoj, ĝis nun okazas ĉ[illegible] jare en Barcelono kaj sudfrancaj urboj (in[illegible] provencalaj literaturistoj). Ĝi estas solena fe[illegible] por publika disdonado de premioj el orο, [illegible] ĝentaj floroj aŭ aliaj multekostaj artaj obj[illegible] al la aŭtoroj de poezioj pri la temoj : [illegible] Amo, Patriotismo, Fido, k. s. Tiu ĉi festo [illegible] kutimo trafe estas kunigita en Barcelona K[illegible] kun la literaturaj konkursoj, kiujn « [illegible] *Revuo* » organizas ĉiujare dum niaj Kongre[illegible] La aŭtoro de premiita « *Poezio pri Amo* » [illegible] ricevos *bukedon el natura floroj* kaj dona[illegible] ĝin al elektita de li Sinjorino, kiu per tio ĉi r[illegible] vas la titolon *Reĝino de la Festo* kaj ŝi dis[illegible] nos la aliajn premiojn al gajnintoj. Estas p[illegible] pli ol 40 premioj por diversaj literaturaj [illegible] proponitaj de donacintoj Hispanaj kaj ek[illegible] landaj. Inter ili troviĝas speciala premio [illegible] ke *Ŝiaj Majestaj Moŝtoj la Gereĝoj de His[illegible] nujo, Alfonso XIII kaj Victoria Eugenia [illegible] Battenberg* bonvolis sendi ankaŭ difini premion [illegible] 250 pesetoj por la temo *Monografio pri* [illegible] *pana poetoj* [illegible]

D-ro J. Ostrov[illegible]

Renovigita! Plibonigita!

# ★ JAPANA ★ ESPERANTISTO

日本エスペラント

**INTERNACIA ILUSTRATA MONATA REVUO**

Oficiala organo de Japana Esperantista Asocio

SOLA KAJ UNUA ESPERANTA GAZETO EN LA EKSTREMA ORIENTO

LA PLEJ INTERESA, LA PLEJ ORIGINALA, LA PLEJ BONA PROPAGANDILO

Ĉiuj Esperantistoj, kiuj volas koni la Japanon kaj Japanujon, la belan landon de l'Leviĝanta Suno, kaj kiuj volas scii pri la Ekstrema Oriento, nepre devas legi ĝin.

Ĝi baldaŭ faros tre interesan konkurson kun belaj premioj, al kiu tutmondaj abonintoj (nur abonintoj) povas partopreni.

Jara abono, **ŝanĝita de 1909 : 5 fr. (2 S)**

Nun abonante oni ricevos la plenan jarkolekton de 1909.

*Por specimeno oni sendu respondkuponon.*

Obonu rekte al « **Japana Esperantisto** », Marumouchi, Tokio, Japanujo ; aŭ ĉe Librejo de Esperanto, 15, rue Montmartre, Paris, Francujo.

---

# Granda Fabrikejo
# Sukeraĵoj & Ĉokolado

*LA PLEJ GRANDAJ PREMIOJ EN ĈIUJ KONKURSOJ*

# E. PALÉE

**STRASBOURG (Germanujo)**

---

## Libroeldonejo " Esperanto ", Moskva (Rusujo)

**Valovaja, 513, kv. 5**

Eldonaĵoj :

L.-T. Titov, « *Esperanto en dek lecionoj* », lernolibro por rusoj, 30 kop.

« *Ŝlosilo* » por « Esperanto en dek lecionoj », 20 kop.

L.-T. Titov, *Vortaro Esperanta-Rusa*, 75 kop. La unua vortaro plena, kiu enhavas multon da *devenigitaj* vortoj.

J. Turgenev, « *Versaĵoj en prozo* », trad. el la lingvo rusa de D-ro K. Bein (Kabe), 40 kop.

W. Ostwald, profesoro de Leipzig'a Univ. « *Internacia Lingvo* », du raportoj en la rusa trad., 10 kop.

Propagandiloj :

Poŝtkartoj (2 kop.), folietoj (1 kop.).

Estas nun preparata :

« Adresaro de la rusaj esperantistoj kaj de ĉiuj esp. organizaĵoj en Rusujo »

*— rusaj esperantistoj kaj estroj de organizaĵoj sendu siajn adresojn ! —*

Por niaj eldonaĵoj ni faras rabaton al revendistoj.

---

# Cailler

# Ĉokolado "AMA"

**ĈIE AĈETEBLA**

---

## MATERIELOJ POR MINEJOJ



# L. GALLAND

*Meĥanikaj Konstruaĵoj*

**CHALON-SUR-SAONE (S.-&-L).**

(FRANCUJO)

---




---

## PROPAGANDILO

### Belegaj Kongresaj Fotografaĵoj
**de l'Kvara Esperantista Kongreso**

Ĉiu bildo : 0,50 S afranke.
Ĉiu poŝtkarto : 0,15 S afranke.

Postulu la nomaron de la tuta kolekto.

**Franz Müller**, fotografisto. 2, *Gartenstrasse Leipzig* (*Leutzsch*).

---

## Moskva Librejo "Esperanto"

(Moskvo, Tverskaja, 28, Rusujo)

vendas de la 1a de Marto 1909. Tiujn esp. librojn laŭ la prezoj de eldon. firmoj el ĉiuj landoj. Jusaj eldonoj :

Devjatnin, Plena verkaro, 3a vol.
*Prezo : 0,65 S.*

**Plena Esp. Rusa vortaro** kun devenigaj vortoj, de L.-L. Zamenhof.
*Pr. : 0,85 S.*

**Kabe. En malliberejo**, de E. Ĉirikov (malkara propaganda eldono).
*32 paĝ. 0,10 S.*

Por sendelspezoj oni aldonu 10 % kaj 10 sd. (por rusoj 7 kop.) por la rekomendo.

---

## U. E. A.
## ĈIUJ ESPERANTIANOJ

nepre devas posedi :

**Oficiala insigno de U. E. A.** (beleta verda stelo kun blanka rando). Prezo : S 0,36.

**Oficiala Jarlibro de U. E. A.** (Listo de U. E. A. — Delegitoj, Vicdelegitoj & Subdelegitoj). Prezo : S 0,25.

**Oficiala Leterpapero de U. E. A.** (100 folioj = S 0,70, afrank. — Por *Delegitoj & Sub 'elegitoj*, kun speciala titolo, 100 foli = S 0,60.

**Oficialaj Kovertoj de U. E. A.** (100 kovertoj = S 0,40.

**Oficialaj Poŝtkartoj de U. E. A.** (100 poŝtkartoj = S 0,70).

*Oni mendu tiujn objektojn ĉe :*

**ÉSPERANTIO**

8, Rue Bovy-Lysberg, 6

GENEVO (Svisujo)

*Por simplaj membroj oni plenumos nur la mendojn, kiuj estos akompanataj de la necesa mendojn.*

---

LA INTERNACIA TRINKAĴO

## VISKIO ESPERANTO

Registered Trade Mark N° 270,042 — Marque Déposée N° 18,156

Registered label N° 272,434

LA OFICIALA VISKIO DE LA TRIA KONGRESO

**Buchanan, Scott & C°**

Garthland Street

**GLASGOW** (Skotlando).

---

LIVERANTOJ DE MUSTARDO KAJ AMELO AL LA REĜO

Laŭ privilegio

**J. & J. COLMAN**

(Akcia Societo)

MANUFAKTURISTOJ DE

**MUSTARDO, AMELO, BLUIGAĴO**

KAJ

**BRITA RIZFARUNO**

*108, CANNON STREET, LONDON*
*kaj CARROW WORKS, NORWICH* (Anglolando)

---

## Kaptinda Okazpropono !
## Komercemuloj atentu !

Pro konstanta malsaneco kaj gravaj eksteraj klopodadoj, *bonega kaj fruktodona restoracio esperantista* estas nun preneбla, Bonega loksituacio, regula klientaro. *Interaranĝoj tre akcepteblaj*. Skribu pri oferproponoj al la jena adreso : *S-ro Atanazo-Restoracio esperantisto, 80, rue Mazarine, Paris (VIe).*

TUJ PROFITU TIUN NEREVENONTAN OKAZON :

---

## Verda Stelo

Ĉiu Esperantisto devas porti la verdan stelon.

La firmo **Benoit MAISONPIERRE**

en Den Haag, Holand.

vendas novan insignon por buton truo, kravatpingla & broĉo.

*Prezo : 0,20 S, fr. 0,50, flor. 0,25.*

Rabato al revendistoj kaj Grupoj.

---

# LIKVORO

# BÉNÉDICTINE

---

## La Universala Ŝlosilo
**DE ĈEFEĈ**




**Ŝlosiloj.** 10 ekz. Fr. 0,50 — 100 ekz. Fr. 3,50.
**Tutoj.** 10 ekz. Fr. 1,00 — 100 ekz. Fr. 7,00.
Anekdotaroj. 1 ekz. Fr. 0,25— 10 ekz. Fr. 2.00.
**Ŝlosilaro** (ĉiuj aperintaj ŝlosiloj en elegante bindita volumo) 1 ekz. Fr. 1,50.

Granda elekto de insignoj
Petu plenan prezaron ĉe
INTERNACIA PROPAGANDEJO ESPERANTISTA
Merton Abbey, London, S. W.

Ĉio estas ankaŭ havebla ĉe Esperanto-Oficejoj kaj Librejo G. Warnier & K°, 15, rue Montmartre. Paris.

---

**KRAJON**

*Marko « ESPERANTO »*

BAIGNOL & FARJON

(FRANCUJO) BOULOGNE-sur-MER

---

## Établissements Lithographiques et Typographiques

TELEFONO 2.27

# Imprimerie X. DEVICHI

63, Avenue Boucicaut, 63

CHALON-SUR-SAONE (Francujo)

PRESEJO DE LA JURNALO « ESPERANTO » OFICIALA ORGANO de U. E. A.

ILUSTRITAJ AFIŜOJ
ARTAJ LABORAĴOJ
JARLIBROJ, VORTAROJ
LERNOLIBROJ, BROŜUROJ
GAZETOJ, K. T. P.

*Administranto :* L. Royer.
*Presejo* X. Devichi.

